VIIIa jaro. Nº 126 ★ Duonmonato ★ 5 Julio 1912

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**ABONO**

Jara abono . . . . . . 2,00 Ș (5 fr. »)
Luksa eldono. . . . . 2,50 Ș (6 fr. 25)

*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato.*

DIREKTORO :

HECTOR HODLER



Redaktejo & Administrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



# ESPERANTIA HOTELA SERVO

Dum la lastaj monatoj oni preparis en la Centra Oficejo de U. E. A. novan servon, nomitan « hotela servo », pri kiu ni esperas, ke ĝi estos favore akceptata kaj multe uzata de niaj membroj. Ni dankas ĉi tie al kelkaj Distriktaj Delegitoj pro iliaj valoraj informoj kaj petas la Regionajn Delegitojn, kiuj baldaŭ ricevos detalan demandaron, ke per same konscienca laboro ili bonvolu helpi al la sukceso de l'servo.

Ĝis nun oni notis en la Jarlibro nur la hotelojn aliĝintajn kiel Esperantiaj Entreprenoj, do laŭ simpla financa motivo. La havigo de ili estis malagrabla tasko, ĉar klopodante ĉe la hotelisto por ke li pagu 5 Sm., la Delegito devis pli aŭ malpli pruvi, ke la enspezoj el la travojaĝantoj Esperantianoj kovros la kostojn de tiu reklamo, pruvo ofte malfacila aŭ rekte ne ebla. La malgranda nombro de niaj hoteloj, la diverseco de iliaj prezoj, la ne kompletaj indikoj, ktp., ne instigis niajn membrojn al ilia vizito ; kontraŭe malhelpis la ne brilaj spertoj de la aliĝintaj hotelistoj la varbadon de aliaj, kaj la enspezoj el ĉio estis tiel malgravaj ke ĝuste el la Financa Fako venis la propono elekti tute alian sistemon, kiu komence plikostigos la jarlibron, sed poste portos siajn fruktojn.

Ni konfesas, ke laŭ nia financa stato ne estas nun la momento por novajoj. Ni faras ĝin tamen. Baldaŭ ni klarigos en la ĉi tiea loko la kalkulojn de la lasta jaro, pruvantaj la antaŭdirojn de la kongresaj raportoj, ke kun la nuna kotizajo U. E. A. ne povas ekzisti. El la ciferoj vi vidos, ke ne estas la demando pri kelkaj pliaj spesmiloj por la jarlibro, ŝanĝota ankaŭ pro aliaj kaŭzoj, sed ke por kontentiga funkciado de nia granda kaj komplika societo ni devas trovi novan financan bazon. Tiam ni apelacios al via konfido en U. E. A., konfido kiun ni esperas gajni per studado kaj praktika efektivigo de novaj ideoj.

Ekzamenante la plibonigon de l'servo ni sentis la ekkreskon de amaso da diversaj demandoj kaj malfacilajoj, formante plenan « hotelan problemon ». Ripozi ie ajn siajn lacigitajn ostojn, nutri la stomakon, estas plej primitivaj bezonoj ; eble ĝuste tial disvolviĝis por ilin kontentigi, komplika sistemo, kiu, diversmaniere laŭ la landoj, unuiĝas en la klopodo plenumi ĉiujn dezirojn, korespondi al altaj postuloj de lukso kaj komforto kaj malfortiĝas eĉ dikajn monujojn. Ke la naturo ne okupas sin pri tiaj diferencoj, rezervante la altan donacon de bona dormado al la laboremuloj, estas alia afero, ne traktebla ĉi tie en la malfilozofema atmosfero de komercaj organizajoj.

Por komenci kun la negativa parto ni tuj diras, ke ni ne okupiĝos kun la havigo de specialaj rabatoj. Ĝenerale ŝajnas al ni ne korekte sisteme kritiki kaj etigi la enspezojn de komerca klaso laboranta sub samaj kondiĉoj kiel aliaj ; plie la sukceso estas dubinda, ĉar el ĉiamaj rabatpetoj logike sekvas plialtigo de la prezoj, farita de l'hotelisto por ke li povu, nenion perdante, redoni la plialtigon en formo de la tiel ŝatata « favorprezo ». Tiaj kutimoj, karakterizataj per la marĉando pro ne firmeco de la prezoj, estas signo de mallarĝa komerca spirito tiel de la vendisto kiel de la kliento. Ili precipe ne estas favorindaj en profesio, kiu pro diversaj kaŭzoj jam pli ol aliaj suferas je tio. Nian taskon ni bone

vidas en la starigo de certaj normoj. Ĝi estas duobla : ĝenerale oni ekzamenu teorie la rilatojn inter la hotelisto kaj gasto, klopodu pri plibonigoj en la komerca kaj teknika aranĝo de la hoteloj; kaj speciale ni havigu al niaj membroj aron da hoteloj, kiuj je modestaj prezoj plej bone plenumas la ĝeneralajn postulojn.

Pri la samo jam multaj societoj sin okupas; malgraŭ tio restas grava rolo al U. E. A. Ĝia internacieco, kiu malfaciligas specialajn klopodojn pri unu lando, estas favora al kolektado kaj senpartia diskutado de informoj pri novaj metodoj; la deziroj de niaj membroj aŭdiĝas internacie pli bone ol ofte en naciaj societoj speciale dediĉataj al la interesoj de komercvojaĝistoj aŭ riĉaj turistoj; ni reprezentas grandan nombron da spertaj virinoj ne aliloke organizitaj, kaj fine jam la fakto, ke multaj Esperantianoj ŝatas trovi en la jarlibro taŭgan hoteladresaron estus nin deviginta minimume studi la praktikan flankon de l'afero. Kun la praktiko ni komencos, tute simple, kiel estas necese por novaj organizaĵoj en nia vasta teritorio. El la ĝeneralaj problemoj ni citu la multajn plibonigojn sen grandaj kostoj enkondukeblajn en la tenado de la hoteloj, kaj la postulon gravan por multaj landoj : « La kontrakto pri loĝado, nutrado kaj servado en la hoteloj similu en tio al la aliaj komercaj kontraktoj ke ĉiu havu sian fiksan prezon kaj ke la gasto havu plenan liberecon akcepti kaj pagi nur tion, kion li bezonas ». Post plenumo de la organizaj taskoj ni okupiĝos iom post iom kun ili, klopodos trovi en la kutimoj de la hotelistoj kiel de la klientaro la kaŭzojn kaj ekzamenos eblajn solvojn. Ĉio dependos de la intereso de nia legantaro, ĝi estas afable invitata al kunlaborado.

Ni transiru al la praktiko. La proksima jarlibro, jam atinginta la maksimumon de amplekso, estos dividata en du partoj, kies unuan kun ĉiuj regularoj kaj administraj informoj nur la Delegitoj ricevos. La dua kaj ĉefa parto destinata al la membroj enhavos nur la plej gravajn administraĵojn, sed des pli multe praktikajn informojn ĉiuspecajn, la konatan adresaron kaj, nove, la liston de la hoteloj. Ĉi tiu estos klasigita laŭ landoj. Pri ĉiu lando estas verkata ĝenerala artikolo de Distrikta Delegito aŭ alia kompetentulo. Kvankam mallongaj, tiuj aliloke ne facile troveblaj notoj pri geografio, la loĝantaro kaj ĝia politika organizo, pri instruado, komerco kaj industrio, fervojoj, turismo, ktp., estos tre utilaj. Ĉiujara kontrolado garantios por ilia fidindeco.

La hotela servo estos jene farita : En ĉiu grava urbo la Delegito elektos unu hotelon, laŭ kondiĉoj de ni fiksitaj, rekomendos al la hotelmastro la Esperantajn gastojn kaj promesos senpagan citadon de l'hotelo en nia jarlibro. Postulante nenion alian ol afablan akcepton, farante senpagan reklamon, ni povas libere elekti el la plej bonaj kaj esperas ke post kelkaj jaroj la hotelistoj aliĝos kiel Esperantiaj Entreprenoj, ne pro la promesoj de l'Delegito, sed konvinkite de enspeziga sperto. Post atingo de tiu ideala stato ni forigos el la jarlibro la senpagajn hotelojn. Tiam la jarlibro denove similos al la ĝisnuna en tio, ke ĝi enhavos nur pagintajn, sed kun la diferenco, ke per la antaŭa sistemo ni gajnis kelkajn dekojn, dum estonte oni kalkulos, centojn, aŭ pli.

La kondiĉoj de l'elekto de la hoteloj baziĝas sur la principo de unueco. Ni deziras havi en ĉiu urbo grava unu hotelon, po lando la saman ĉambroprezon, ĉie ajn similan komforton kaj plenan liberecon de l'gasto rilate al mendo de manĝaĵoj, ktp. Interesas nin nur la ĉambroj, la ĉefa kaj en sia aranĝo sole kondiĉebla « vendotaĵo » de l'hotelisto. La unueco po urbo estas necesa pro ŝparo da loko en la jarlibro kiel precipe pro la fakto, ke inter la milegoj da vojaĝantoj la Esperantistoj havas influon nur se ili koncentriĝas en la sama hotelo. Tio estas faciligata dank' al la homogeneco de nia membraro, kies plimulto deziras similan, modestan komforton. Nia hotela listo estos do malsama ol la ĝis nun konataj, kiuj donis detalajn prezojn pri ĉio ajn, citis multajn hotelojn kaj estis pro tio komplikaj preskaŭ kiel scienca verko. La nia enhavos : en la ĝeneralaj artikoloj informojn pri ne reguligeblaj aferoj, kiel trinkmonoj, daŭro de la sezono, specialaj kutimoj de la hoteloj, ktp. En la listo troviĝos : po urbo unu, en la urbegoj maksimume 3 hoteladresoj, la prezo de la ĉambro po unu persono kaj nokto, kaj la prezo por la matenmanĝo nur se ĝia mendo estas kutimo de la lando aŭ se la ĉambro ne estas havebla aŭ ĝia prezo altigata okaze de ne preno de matenmanĝado en la hotelo. Plie oni notos neevitindajn sezonajn prezojn kaj, se tiel estas, la fakton, ke persono el la hotelmastra familio bone parolas Esperanton kaj havas Esperantajn presaĵojn. El la kondiĉoj faritaj al la Delegitoj la ĉefa estis la unueco de l'komforto, de ni fiksita per indikoj pri la dezirinda situacio de l'hotelo, la minimuma meblaro de l'ĉambro, ktp. Kiel montris antaŭa enketo, unueco de l'ĉambroprezo po lando estis ne atingebla, eĉ sen konsidero pri banlokoj kaj urbegoj. Tial ni kontentigis nin kun certaj limoj, kies maksimumo estas iom plialtigata por kelkaj urboj. Pri la devigo al matenmanĝo ni jam parolis, koncerne la trinkmonoj ni vidis nin jam post la unuaj respondoj antaŭ tia montego da malfacilaĵoj, ke ni lasos ĝian traboron al estontaj jaroj. Krom la elektado de la hotelo estos la devo de la Delegito ĝin viziti almenaŭ dufoje ĉiujare, klopodi ke kun la tempo ĝi fariĝu Esperantia Entrepreno, akcepti plendojn de Esperantaj gastoj kaj raporti pri tio al la Centra Oficejo. La hotela servo (per tio ĝi diferenciĝas de la aliaj) estas malfermata al ĉiuj personoj sin rilatantaj al nia jarlibro; ni tre petas ilin ĝin uzi, sin prezenti al la hotelmastro, plendi okaze de malkontenteco, kaj ankaŭ informi la Delegiton, se la hotelo plaĉis al ili.

Kiel aldono al la hoteloj ni publikigos po urbo la adreson de unu senalkohola restoracio aŭ, se ne estas bona, de vegetara aŭ de laktejo. Malsame ol la hotela servo la Delegito ne rilatos kun la estro, li ne citos prezojn kaj ne estas devigata al regula kontrolo. Dum vendejoj de alkoholaĵoj estas facile, tro facile troveblaj, la senalkoholaj gastejoj estas maloftaj en multaj lokoj; ilin citante ni esperas utili al parto de niaj membroj. Oficiala subtenado de la kontraŭalkohola aŭ vegetara movadoj ne povas esti la tasko de neŭtrala organizaĵo kiel U. E. A.; tamen ĉar tiuj klopodoj estas tiel gravaj por la resanigo de nia raso ni, Esperantianoj, etendu amikan manon al la bonintencaj kaj instruitaj homoj, kiuj kun sama idealeco kiel ni laboras por sia celo.

Kiel dirite ni devis esti tre modestaj en la unua organizo de l'servo, kaj verŝajne eĉ en tiu formo ĝi komence ne funkcios perfekte. Zorgema kontrolo per nia Centra Oficejo kaj la kunlaborado de niaj membroj estos necesaj por ĝia plibonigo. Fondita sur certa bazo, adaptita al la bezonoj de grava asocio, ĝi alcelas liberigi la vojaĝanton de la tedaj zorgoj pri lia korpa bonfaro, por ke plene li povu ĝui la belecon de l'mondo kaj de nia Esperantujo. Kaj nun, bonan vojaĝon...

Ed. STETTLER.

# Al niaj Abonantoj

**Ni petas, ke ĉiuj abonantoj, kiuj estas informitaj pri finiĝo de sia abono dum tiu monato, bonvolu kiel eble plej baldaŭ sendi sian reabonon por eviti al si interrompon en la ekspedado kaj al ni senutilajn klopodojn.**

**La jara abono kostas 2 Sm. luksa eldono : 2,50 Sm.**
**La abonoj komenciĝas de la Ia de ĉiu monato.**

# SOCIA VIVO

GEOGRAFIO

## La Indiana demando (1)

II

El la indianoj de la regiono mi povas nomi kelkajn ĉefajn gentojn, kiel la Sioux (suz), Cheyennes (ŝajanz), Osages (oseĝes), Kaws (kaz), Crows (kroz), Sacs (saks), Gros Ventres (groventerz), Mandans (mandanz), Winnebagoes (winibegoz), Otoes (otoz), Missourias (Mizuriz), Poncas (Ponkas), Omahas (Omahaz), Chipewas (Ĉipiwaz), Menominies (Minaminiz), Ottawas (Atawaz), Pottawatomies (Patewatamiz), Commanches (Komanĉiz), Shoshones (Ŝoŝoniz), Snakes (Sneks), Pawne Picts (Pani pikts), Kiowas (Kajoaz), Nezperces (Nezpers), Blackfeet (Blakfit), Iowas (ajoaz), ktp.

Ĉiu el tiuj ĉi gentoj estis mem dividita en kelkaj grupoj. Ĉiu ĉefa gento havis sian propran lingvon, kaj la lingvoj tiel malsimilas unu la aliajn ke estas preskaŭ nesupozeble, de la filologia vidpunkto, ke ili devenis el la sama fonto. Ofte eĉ la diversaj grupoj de unu gento sin reciproke ne komprenis. La plej multo de la lingvoj estas tre malfacile lerneblaj, kaj tre malofte oni trovas blankulojn, kiuj eĉ mezbone parolas la lingvon de iu ajn gento. La indianoj mem ne lernas la lingvon de alia gento, sed, se okazis ke la anoj de du gentoj volis interrilati ili tion faris per mansignoj. La sistemo de mansignoj estis en granda mezuro komuna. Ĉiu gento de la tuta lando uzis preskaŭ la samajn signojn, sed ne ĉiu ano de la gento ilin komprenis. La signoparolanto de tiu tempo similis la nuntempan civilizitan lingviston aŭ tradukiston. Eĉ du gentoj kiuj amikiĝis ne lernis la lingvojn unu de la alia, sed sin kontentigis, eĉ dum longtempa interrilatiĝo, per la mansignoj. Sed la sistemo estis tiel ampleksa ke ĝi enkalkulis preskaŭ ĉiun esprimon utilan al la simpla vivo de la raso. La lingvoj mem ne estis ampleksaj, sed negravaj estis la lingvaj bezonoj de la indianoj.

Je la alveno de la blankuloj, pro la malfacileco kaj multnombreco de la indianaj lingvoj, ili enkondukis, iom post iom, jen tiun jen alian vorton, kaj ilin faris komunaj ĝis kiam ili konstruis novan, plenan ĵargonon, kiu estis lastatempe uzata en la rilatoj inter la blankuloj kaj indianoj, kaj eĉ inter la gentoj mem; poste la antikva sistemo de mansignoj estis ne plu uzata kaj forgesiĝis. Tre malmulte da indianoj nun komprenas eĉ malgrandan parton el la iama kompleta sistemo.

Kvankam kelkaj aŭtoroj asertas, ke la indianoj havis kaj uzis bildsistemon de skribajo, kaj oni trovas multajn prilaboritajn artikolojn rilate al tio, fakto estas, ke la indianoj de la regiono pri kiu mi nun skribas tute ne havis ian ajn skribsistemon; mi ankaŭ ne kredas, ke la orientaj indianoj havis ĝin. Legante diversajn artikolojn kaj rakontojn pri la indianoj mi ofte renkontis aludojn al tia sistemo, sed mi neniam vidis indianon, kiu sciis la signifon de la bildkarakteroj. Tamen, iuj indianoj estis iom lertaj en la bildarto kaj per tio ornamis sian vestajon, lanajn korpkovrilojn, tendojn, ktp., kaj iafoje indiano konservis specon de memorlibro ellaboritan el bildoj, kiuj havis signifon sciatan de li mem, sed tute ne kompreneblan por alia ano eĉ de lia propra gento.

Sekve, la indianoj ne konservis sian propran historion, krom tiu ĉerpebla el la multaj legendoj rakontitaj de ili, sed la plej multaj el la legendoj estis absurdaj, kaj eĉ tiuj, kiuj estus kredeblaj en ordinaraj cirkonstancoj estas, pro la fanfaronema karaktero de la indiano, tute ne kredindaj. Pro tio neniu povas fari kredindan konjekton pri ilia deveno. Filologoj nun laboras en tiu kampo, kaj eble per tiu scienco ilia deveno klariĝos. Pro kelkaj kaŭzoj mi opinias, ke la indianoj ne estis la veraj praloĝantoj de tiu ĉi kontinento, sed ke ili estas la rezulto el la enmiksigado de kompare novvenantoj el la okcidenta marbordo de Eŭropo kaj de la japanoj. Sed tio estas nur konjekto.

Same kiel ĉiuj popoloj, civilizitaj aŭ ne civilizitaj sur la tero, la indianoj havis ian religion. En nur unu afero ĉiuj gentoj interkonsentis (memoru ke mi nun parolas nur pri la indianoj en la meza kaj nordokcidenta regionoj de Usono; pri la orienta kaj sudokcidenta mi ne havis sperton, sed mi kredas ke ili ne multe malsimilis tiujn, kiujn mi konis). Tiu nura afero estas, ke ĉiuj indianoj kredis al du ĉefaj dioj. Unu estis la bona Dio, la alia estis la malbona Dio. Pri la bona Dio, la indiano kredis, ke li faris por la indiano la plej bonan kiun li povis, kaj ĉiam batalis kontraŭ la malbona Dio por la profito de la indiano. Aliflanke, la malbona Dio ĉiam penis meti malfacilaĵojn kaj malhelpilojn en la vojojn de la indiano kaj de la bona Dio. Ĉar la indiano kredis, ke la bona Dio estas devigata ĉiam labori por li, li akceptis kiel sian rajton liajn laborojn kaj eĉ ne dankis lin. Aliflanke li devis ĉiam repacigi aŭ trompi la malbonan Dion, kaj sekve ĉiuj liaj diservoj estis dediĉitaj al la celo aŭ repacigi aŭ trompi tiun Dion. En tiuj ĉi aferoj ofte okazis teruraj, barbaraj turmentegoj pro la kredo, ke tiaj agoj plaĉos al la malbona Dio. Ekster la komuna kredo al la du Dioj la relegioj de la diversaj gentoj tiel malsimilis unu la alian, ke estas neeble sekvi ilin en mallonga pritraktado, escepte tiu karakterizo, komuna, laŭ mia opinio, al ĉiuj indianoj de Norda Ameriko, en iliaj religioj, ke neniu indiano konis la principojn de bono aŭ malbono. Tiaj vortoj ne ekzistis en iliaj lingvoj kaj tiaj ideoj neniam eniris iliajn kapojn. Idealeco tute mankis al la tuta raso. La nura demando ĉe ili estis ĉu la ago utilus; ĉu ĝi estus oportuna aŭ konvena; kaj ĉu pro ĝi ili akirus profiton. Pieco, idealismo, moraleco, estis tute ne konataj de ili.

D-ro Eastman diris en sia artikolo ke la virinoj partoprenis en la regado. Eble li estas prava rilate al la orientaj indianoj sed en la regiono pri kiu mi nun skribas kaj ankaŭ inter la indianoj de la Pacifika marbordo, la virinoj havis socian staton malmulte pli altan ol tiu de sklaveco, kaj la viroj nek permesus nek tolerus ke ili sin trudu en la aferojn de la regado. Kvankam, ĉe la indianoj, same kiel ĉiuj aliaj popoloj, ofte okazas ke eĉ sklavino havas influon, sed ĉiam kaŝe. La viro, tuj kiam li atingis maturecon kaj akiris sufiĉan havajon aĉetis edzinon de ŝia patro, kaj, se li povis elspezi sufiĉe tiom da edzinoj kiom li deziris; kaj aliflanke, se li poste malriĉiĝis, li forvendis siajn edzinojn laŭvole.

La indianoj, viroj kaj virinoj, estis fervoregaj vetludulој, kaj ofte forludis sian tutan havajon, ĉevalojn, korpkovrilojn, ornamajojn kaj eĉ familiojn. Ankaŭ ofte la viroj en multaj gentoj, sed ne en ĉiuj, prostituigis siajn edzinojn. La fraŭlinoj konservis sian ĉastecon nur per konstanta singardado.

Ilia sistemo de regado tute malsimilis ian ajn alian en la mondo. Ke ili havis ĉefojn estas vero, sed efektive la ĉefoj havis tre malgrandan povon. Ĉiu indiano estis libera homo en grado ne renkontita aliloke. Ili havis tri klasojn da ĉefoj. Unu estis la pacĉefo, kiu mastrumadis la hejmajn aferojn de la gento aŭ grupo; alia estis la militĉefo, kiu direktis la militajn aferojn de la gento aŭ eble de kelkaj gentoj kombinitaj por fari militon kontraŭ komuna malamiko; tiuj estis la plej potencaj el ĉiuj ĉefoj. Neniu indiana viro estis devigata iri militon, escepte se plaĉis al li mem tion fari, sed, pro tio ke la milito estis la fonto el kiu tuta lia profito, plezuro kaj gloro estis ĉerpita, tre malofte okazis, ke indiano rifuzis,

(1) Vidu *Esperanto* de 5. junio.

escepte se medicino admonis lin forresti. La medicino de la indiano tre similis la orakolojn de la greka kaj roma pastraroj. Eble la plej influa ĉefo estis la medicina ĉefo. Tiu ĉi persono estis, verdire, la ĉefpastro de la gento aŭ grupo kaj prizorgis la religiajn aferojn de la rondo. Li estis magiisto kaj divenisto. Kiam li sin okupis pri la rilatoj de sia profesio, oni diris ke li faras medicinon. Tiu ĉi medicino tute ne rilatas al la kuracarto, sed estis nur agoj rilataj al la religiaj superstiĉoj de la gento. Ĉiu gento havis sian propran medicinaĵon (ian materian objekton), kaj tiu medicinaĵo estis konata nur de la medicina ĉefo, kaj restis ĉe li profunda sekreto. Se eĉ unu alia homo eltrovis la sekreton, la medicinaĵo tuj fariĝis neutila, kaj la ĉefo devis eltrovi novan. Ĉiu medicina ĉefo eltrovis sian propran medicinaĵon. Krom la medicinaĵo de la gento ĉiu indiano havis sian propran, kiun li devis reteni sekrete al si mem por konservi ĝian utilecon.

La kuracarto de la indianoj estis tre primitiva. Nur la plej simplaj herbaj kuraciloj por resanigi negravajn internajn malsanojn, vundojn, ktp. Ĝi estis prizorgata plejparte de la virinoj, kaj se la malsano preterpasis la kapablecon de la simplaj rimedoj ili decidis, ke la malsanulo estas en la povo de la malbona Dio. Oni tiam alvokis la helpon de la medicina ĉefo, kiu, per siaj religiaj ritoj (ĉefe bruo), penis forpeli tiun Dion kaj liberigi la suferanton el lia influo.

*(Daŭrigota).* F.-P. Zent,

(Del. Anacortes, Wash.).

## Impresoj el Galicio (1)

II

La urbo (Krakovo) estas konstruita sur vasta ebenaĵo, ĝi estas duone entenata en kurbiĝo de la Wisla. Ĝi enhavas ĉirkaŭe 100.000 loĝantojn, el kiuj iom pli ol la triono estas hebreoj. Ĝiaj domoj estas ĝenerale malaltaj kaj malgrandaj, ĝiaj stratoj larĝaj; pro tio ĝi etendiĝas sur tre vasta spaco malgraŭ la rilate malgranda nombro de enloĝantoj. Mi malofte trairis urbon, kiu tiel naskis en mi impreson de vastegeco. Ĝia Rynek (g. : Ring) estas tre vasta placo ĉe la centro de la urbo. Ĝi estas ĉirkaŭita de malnovaj kaj kuriozaj domoj, kiuj, preskaŭ ĉiuj, estas samepokaj je ĝia prospero. Kelkaj, larĝaj, luksegaj, ornamitaj per malnovaj skulptaĵoj, estas ekspalacoj de l'nobelaro. La plej granda nombro, male, havas mallarĝajn fasadojn, sur kiuj oni ne kalkulas pli ol tri fenestrojn ĉe ĉiu etaĝo : ili estis domoj de tiamaj burĝoj; ekzistis ja leĝo, kiu rezervis nur al la nobeloj privilegion konstruigi kaj enloĝi domojn havantajn pli ol tri fenestrojn laŭlarĝe.

La placo, ortangula, estas plantita per arboj; ĝi ĉiam estas popolhava, kaj preskaŭ konstante sidas tie liberaera vendejo, kie oni ankoraŭ povas vidi polajn kostumojn el la ĉirkaŭaĵo : jakoj kun ŝnurgalonoj, ĉapeloj ornamitaj per floroj, ŝvelaj pantalonoj kaj fortikaj botoj, por la viroj ; ruĝaj korsaĵoj kaj ŝaletoj sur la kapo ligitaj, por la virinoj. Sola restaĵo de l'malnova urbdomo, la Gotika Turo estas granda kvadrata konstruaĵo, surhavanta metalan kupoleton, kiu solece staras ĉe angulo de la Rynek. Ĝi estis sonorila turo de la skabendomo (2), kiu nun ankoraŭ sonorigas same kiel dum la epoko de l'reĝoj.

Tre stranga granda konstruaĵo kuŝas meze de l'placo, kiun ĝi laŭlonge dividas. Ĝi estas la Draphalo, la Sukiennice. Tiu halo, konstruita je la XIII-a jc., estas laŭ eleganta kaj ne tro ornamita arkitekturo, sed kun karaktero vere speciala, aparta, pola. La Rynek plej multe ŝuldas sian originalan aspekton al tiu granda konstruaĵo. Ekstere, ĝi estas longa ortangulaĵo, kun, ambaŭflanke, romanaj arkaĵoj laŭ ĝia tuta longo. Interne, estas longa irejo, borderita de sennombraj butikoj, kiuj strange memorigas orientajn bazarojn, ĉu pro la diverso de la vendaĵoj, ĉu pro la haladzo, ĉu pro la trudo de l'vendistoj, kiuj loginvitas insiste. La unua etaĝo estas okupita de la Nacia Pola Muzeo. Tie en elmontraj salonoj, estas pentraĵoj inter kiuj precipe rimarkiĝas la verkaĵoj de polaj artistoj, Matejko, Siemiradzki ; estas ankaŭ ĉambroj por skulptaĵoj, malnovaj armiloj, kaj malnovaj polaj uniformoj ; estas ĉambro tutplenigita per memoraĵoj, aŭtografoj kaj aliaj, de Mickiewicz la nacia poeto ; fine estas la malnovaj muzikiloj de Chopin.

Sur la Rynek estas ankaŭ la preĝejo Sankta Mario (Panna Marja), kies metalaj sonorilturetoj, du kvadrataj turoj, kaj maldika pinto ĉirkaŭita de reĝa krono, precize vokas en la spiriton la siluetojn de polaj urboj prezentitaj sur malnovaj gravuraĵoj. Tiu preĝejo estis konstruata dum la XIII-a jc. ; kvankam ofte riparita, ĝi ŝajnas tre malnova kun sia brika fasado kaj sia pintarka aspekto. Interne ĝi konsistas el tri gotikaj belegaj navoj, tute kovritaj per freskoj. Kvankam la ornamaĵaro estas tro sufiĉega (nenie la ŝtono estas nuda), la harmonio de l'koloroj kaj de l'linioj estas tia, ke la tuto naskas impreson tre belan kaj neniel malagrablan. Ĉe la enirejo estas bronza tombtavolo de Petrus Vischer, kaj en la ĥorejo grandega krucifikso de Wit Stwosz (Veit Stoss), kiu, kun la kvazaŭa mallerteco kaj la ŝanceliĝoj kiuj karakterizas la komenciĝon de l'germana Renesanco, estas tamen veraj ĉefverkoj. Petrus Vischer kaj Wit Stwosz estas du nomoj, kiujn ni ĉiupaŝe retrovos vizitante Krakow'on ; ambaŭ artistoj solaj tiom efikis por la plibeligo de la antikva ĉefurbo, kiom ĉiuj aliaj kune. Oni ankaŭ rimarkas bronzan baptopelvon arĥaike belan. Fine la plej grava kuriozaĵo en la preĝejo estas ĝia ĉefaltaro, kolosa ĉefverko de Wit Stwosz, kies grandegaj paneloj estas lignaj skulptaĵoj, naivaj kaj ĉarmaj, montrantaj diversajn scenojn el la vivo de Jesu Kristo.

La Rynek, ĉirkaŭita de malnovaj palacoj de la nobeloj, de trifenestraj domoj de la burĝoj, kun sia malnova skabenturo, sia vasta Draphalo, sia preĝejo Sankta Mario, ĉiuj konstruitaj laŭ nekutimaj formoj kaj linioj, vere polaspektaj, kun sia vendejo kie estas vidataj antikvaj kostumoj, homoj el ankoraŭ speciala raso, parolantaj de ni nekonatan lingvon, la Rynek estas la koro de tiu tiel aparta urbo, de tiu Krakow, kien ni venis por serĉi la memoraĵon de l'malaperinta Pollando, memoraĵon tiel bone konservitan por la plej granda kontentigo de nia videmo.

* * *

Ĉe la bordo de la Wisla, sur malalta monteto pompenomita Monto Wawel, ĉirkaŭita de brikaj muregoj, staras depost multaj jarcentoj la « Burg » de Krakow, Zamek Krolewski, reĝa kastelo. Kiel en plej multe da ĉefurboj, la Burg konsistas el aro da feŭdalaj konstruaĵoj grupigitaj ĉirkaŭ la reĝa kastelo kaj la ĉefpreĝejo, kies aneksaĵoj ili estas. El la randkrutaĵoj de la Wisla, kiuj, surkovritaj de verdaĵo, kviete dronas, pro neekzisto de kajoj, en la dubeflavaj akvoj de l'riverego, oni ĝuas pitoreskan vidaĵon sur la Wawel, ĝiaj dentformaj muroj, ĝiaj neregulaj konstruaĵoj kaj la pintaforma maso de ĝia ĉefpreĝejo, kiuj nete desegnas siajn konturojn sur la bluan ĉielon.

La kastelo de la reĝoj de Pollando estis ofte rekonstruata sur la Wawel. La konstruaĵoj, kiujn ni nun vidas, datumiĝas je la XVI-a cj.. Tie la tiamaj reĝoj, pro la luksego de sia kortego riĉegaj kiel orientaj regnestroj tiel ili estis, akceptis en oro kaj silko la ambasadorojn, kiujn ĉiuj konataj reĝlandoj sendis al la Potencega kaj Respekteginda Respubliko. Ĉar Pollando efektive estis kune reĝlando kaj respubliko. La reĝo, balotita de la Parlamento, verdire estis nur la unua magistrato de ŝtato, kiu en la oficialaj aktoj sin nomis Respekteginda Respubliko. Ha ! ĝi estis politika organizaĵo stranga, kom-

(1) Vidu *Esperanto* de 5 junio.

(2) Skabeno : mezepoka urbestro. F. : échevin. (N. d. l. t.).

plika, hibrida! La reĝo de Pollando rajtis publikigi leĝojn, starigi novajn impostojn, decidi pri paco aŭ milito, nur kun la konsento de la Parlamento, kvazaŭa konferenco konsistanta el senatanoj kaj deputatoj, en kiu la nobelaro estis ĉiopova, pli potenca ol la reĝo, ĉar la « veto » (1) de ununura nobelo sufiĉis por malebligi la akcepton de leĝo.

Oni eniras la Burg'on tra pordo lokita precize kontraŭ la enirejo de l'ĉefpreĝejo. Sur la sojla placo de la katolika sanktejo, aroj de hebreoj almozpetas! La preĝejo de Krakow staras sur la loko de malnova romanstila preĝejo; ĝi estis elkonstruata je la XIV-a jc., sed de tiam suferis plurajn riparojn kaj plibeligojn, ĉe la XVI-a kaj XVIII-a jc. Ĝi posedas tre malnovan subtertemplon el la sama epoko kiel la malaperinta romanstila preĝejo. Ĉi tie estas la nekropolo de l'reĝoj, ĉi tie ankaŭ la Pola Panteono. Tie estas entombigitaj la multaj regnestroj kronitaj en Krakow de Vladimiro la Malaltkreska en la XIV a jc. ĝis Aŭgusto II en XVIII-a. Tie lastdorme ripozas la plejmulto de la famaj Poloj. Meze de l'navo, sub baldakeno, arĝenta kesto entenas la relikvojn de S-ta Stanislavo, patrono de Pollando. Tiu sanktulo estis episkopo de Krakow; en 1079 li estis mortigata de l'reĝo Boleslavo II la Maltima sur la ŝtupoj mem de la altaro en la romanstila preĝejo.

(*Daŭrigota*)

Kun permeso de la aŭtoro, S-ro Marge,
trad. L. Poncet (Konsulo, Lyon)

IDEOJ & FAKTOJ

## La aplikoj de la senfadena telegrafado

*(Sekvo)*

La societo Marconi (Marconi's Wireless Telegraph Company) de Londono kaj ĝiaj filioj estis la unuaj, kiuj kreis tiujn postenojn, speciale tiujn de Poldhu (Anglujo) kaj Cap Cod (Usono), kiuj iel certigas al ĝi la monopolon de la senfadenaj komunikoj en Nord-Atlantiko, kun ŝipoj provizitaj per aparatoj de senfadena telegrafado. La stacioj apartenantaj al la angla kaj franca administracioj de la poŝtoj povas efektive komuniki depeŝojn al la ŝipoj el aŭ al Ameriko nur en distanco de ĉirkaŭ 700 kilometroj; male, la du grandaj stacioj Marconi, kies potenco estas tre supera (krom la Eifel kaj Nauenturo) povas transdoni tiujn depeŝojn al la koncernaj ŝipoj dum la tuta daŭro de ilia vojaĝo.

Fakte, ĉiuj aparatoj povas akcepti signalojn de Poldhu aŭ Cap Cod, al kiu ajn sistemo ili apartenas, sed la Kompanio Marconi, kiu estas financa societo, rifuzas transdoni la depeŝojn al la ŝipoj de la navigaj kompanioj, kiuj ne havas traktaton kun ĝi. Pro tio okazis malkonsentoj inter Marconi kaj ĉiuj ŝtatoj, ekster Italujo kaj Usono. La konferencoj de Berlino dum 1906 ne povis ilin solvi, sed ili ŝajnas iom post iom finiĝi per senpera akordo inter la interesuloj. Cetere, ĉiu ajn ŝtato, kompanio aŭ privatulo, plene rajtas konstruigi staciojn similajn al tiuj de Poldhu aŭ Cap Cod, sed la tre alta kostoprezo ĝis nun evitis konkurencon, kiu malfacile povus fariĝi danĝera por la societoj Marconi, Tiuj lastaj, kiuj enhavas filiojn anglan, francan, italan, hispanan, rusan, belgan, usonan, kanadan kaj arĝentinan, subtenatajn per potencaj monrimedoj, konstruigis en Irlando kaj ĉe la orienta bordo de Nova Skotlando la potencajn postenojn de Clifden kaj Glace-Bay, kiuj plenumas komercan senfadenan telegrafan servadon tiel regule kiel per kablo. De nelonge nova posteno estas ekspluatata en Teneriffe.

En Germanujo, sub la imperiestra protektado, fondiĝis la societo « Telefunken », kiu posedas staciojn kun trafpovo da 2.000 km. en Norddeich, ĉe la enfluo de Elbo, kaj en Nauen apud Berlino; tiu tre agema societo, organizita laŭ la germana metodemo, starigis jam pli ol kvin cent postenojn ĉe la germanaj bordoj de Baltiko, de Norda Maro kaj de la kolonioj, kaj ĉe la ŝipoj el Bremeno kaj Hamburgo. En Usono, la societo Fessenden posedas potencajn staciojn kiel la Kompanio de Forest, kiu ekspluatas la okcidentajn bordojn de Ameriko. Resume, ĉie, la senfadena telegrafado starigas siajn antenojn, disetendas siajn ondojn, kaj ludas pli kaj pli gravan rolon en la mondhistorio.

Mi diris, ke la senfadena telegrafado efike ŝirmas milojn da vivoj... Efektive, kiu ja ne rememoras pri la kolizio inter la *Republic* kaj *Florida* la 23 januaro 1909? Pli ol 750 personoj estis certe mortontaj, se la senfadena telegrafado ne estus avertinta pri la danĝero de ŝipojn *Lorraine* kaj *Baltic*, kiuj pasis je kelkaj mejlodekoj. Unu jaron poste, la 4 februaro 1910, la usona ŝipo *Kentucky*, veturante el New-York al la Pacifikaj havenoj, povis esti savata nur dank'al la nevideblaj ondoj; la akcidentoj de *Ohio* en Pacifiko, de *Saxonia* en la cirkaŭaĵoj de Kanarioj kaj tute laste de *Delhi* ĉe la Marokaj marbordoj konsistas nur el pure materiaj perdoj, dank'al la senfadena telegrafado (1).

Same, la direktebleco de la elektraj ondoj, kiun la inĝenieroj Tosi kaj Bellini preskaŭ plene atingis alportas potencan helpon al la navigado, ĉar ĝi ebligas al la ŝipoj havantaj radiotelegrafajn aparatojn ekzakte rekoni sian pozicion kompare kun iu donita transmeta posteno. Dank'al tio la ŝipo *Provence* povis trapasi de Francujo Usonon ĉe plena nebulego, rekoni sian vojon ĉiumomente kaj kun miriga precizeco enpenetri la havenon de New-York.

La radiotelegrafado ĉiutage faras en aliaj sferoj, multajn servojn por la navigado; jen du ekzemploj el milo: antaŭ kelkaj jaroj ni troviĝis meze de Atlantiko en nepenetrebla nebulego tra kiu nia ŝipo nur malrapide antaŭeniĝis; de la antaŭa tago, ni radiotelegrafe rilatis kun angla ŝipo veturanta samdirekte kiel ni je ĉirkaŭ 100 mejloj. Ĉar la nebulego plidensiĝis, ni devis alpreni decidon: al nia radiotelegrafa demando, tiu ŝipo respondis, ke ĝi veturas en regiono, kie la vetero estas hela kaj la vento venas el nordo. Nia irado estis ŝanĝata; iom poste ni eliris el la nebulegaj densaĵoj kaj veturis sub suna ĉielo.

La jenan ekzemplon alportis la informiloj de Norddeutscher Lloyd: ŝipo, tra densa vintra nebulego, preterpasas alian ŝipon malrapide veturantan laŭ la sama direkto; malantaŭe, je ĉirkaŭ kvardek mejloj, laŭ la sama vojo, alvenis angla ŝipego, por kiu la preterpasita ŝipo fariĝis danĝera. La germana ŝipestro radiotelegrafis al sia angla kolego: « Densa nebulo, preterpasis samvojan ŝipon »; du horojn poste, alvenis tiu ĉi respondo: « Preterpasis ŝipon, dankon ».

La publiko povas uzi la servojn de la radiotelegrafado de la 15 majo 1910, ĝi rajtas radiotelegrafe korespondi kun ĉiuj ŝipoj surhavantaj la flagon de la ŝtatoj aliĝintaj la Berlinan konvencion: la depeŝoj por la ŝipoj povas esti donataj ĉe kia ajn telegrafoficejo, sed ili estas submetataj al takso, kiu varias laŭ la nacieco de la ŝipo kaj de la radiotelegrafa transmeta stacio, kaj laŭ la sistemo de la aparatoj surŝipe uzataj.

(*Daŭrigota*). V. Soyer, *Trad. A. R.*

## PROVERBOJ

Kiam kato jam formanĝis forpelado ne helpos.
Kiu neniun savis, malamikon ne havas.
En ĉiu malbono estas iom da bono.
Al ĉiu besto plaĉas ĝia nesto.
Montroj kaj konsiloj estas facilaj.
Propra opinio ne estas leĝo por alia.
Komplezema malsaĝulo estas pli danĝera ol malamiko.
Kiu avidas pli bonan, perdas plej bezonan.

(El *Esperanta Proverbaro* de D-ro L.-L. Zamenhof.)

(1) Veto: latina verbo signifanta; mi malpermesas. Nun uzata en senco de: maljeso, malakcepto de propono. (N. d. l. t.)

(1) Tiuj linioj estis skribitaj antaŭ la katastrofo de *Titanic*. Tiuokaze ankaŭ, la senfadena telegrafado ebligis la savon de 800 personoj.

## LITERATURA PAĜO

# TRA
LA
# ESPERANTA LITERATURO

*Julјusz Słowacki*. **Mazepa**, tragedio en kvin aktoj, el la pola trad. Ant. Grabowski, Paris, Hachette, prezo: Sm. 0.80.

Unu el la gravaj allogiloj de la jubilea kongreso estos la prezentado de l'dramo Mazepa, tragedio en kvin aktoj de J. Slowacki, kiun el la pola tradukis S-ro Ant., Grabowski. Ĉu mi ne devas, pro la valoro de l'elektita teatrajo kaj pro la majstreco de l'tradukinto, dediĉi al tiu verko iom detalan recenzon?

Tiu tragedio estas originale eldonita en 1840, kiam fervoris la romantika maniero. Do ne estas mirinde, ke romantikajn karakterojn ĝi altgrade posedas kaj plenreliefe prezentas. « La scenejo, diras S-ro Grabowski en bilda stilo, komence serena kiel printempa suna mateno, kovriĝas fine per nigra nubego plena de frakasantaj fulmobatoj ».

La dramo okazas en Ukraino dum la jaro 1663 en kastelo de vojevodo, ne malproksime de la urbo Gluĥov. La ĉefaj personoj estas: Mazepa, tiam paĝio de la reĝo Jan Kazimir; la jus nomita reĝo; la maljuna vojevodo, kastelestro; Ameljo, tre juna dua edzino de la vojevodo; Zbignjev, filo de la vojevodo el unua edziĝo.

La ĉarma figuro de Amelja, milda ŝafidino erarinta en luparejon, estas la alcentriga punkto de la terurplena okazriĉa tragedio. Ŝin amas — jaluze la Vojevodo; — silente kaj senespere ŝia bofilo Zbignjev, — petolkavalire Mazepa — diboĉhipokrite la maljuna reĝo Jan Kazimir. El la konflikto de tiuj malsimilaj ampasioj rezultas la tuta kvinakta dramo.

I. La Vojevodo akceptas la reĝon en sian kastelon kaj donas balfeston por honori sian gaston. Preskaŭ tuj la agado drameciĝas: Mazepa kaj la reĝo ekvidas kaj enamiĝas Ameljan. Dum la sekvanta nokto, la reĝo, alivestite per la mantelo de sia paĝio, ŝtelŝoviĝas sub la fenestron de Amelja. Sed Zbignjev suspekteme gardas kaj, kredante, ke la paĝion li surprizis, atakas kaj vundas la reĝon je la mano. Por savi la honoron de l'reĝo, Mazepa vundas al si la manon.

II. Kontraŭ la paĝion koleras la vojevodo kaj la vojevodido. Cetere ne tute malprave! Efektive la junedzino venas plendi al la reĝo, ke la petola paĝio, ŝin renkontinte sur mallarĝa tabulo-ponteto en ĝardeno, ŝin haltigis tiel, ke ŝi sentis liajn lipojn sur vango. Ho ve! la malfeliĉa falis, kiel oni diras, de Ĥaribdiso en Skillon: ĉar la reĝo profitas tiun de sineesperitan intervidiĝon por fari al ŝi amproponojn, kiujn ŝi forpuŝas kun indigno. La reĝo ordonas, ke Mazepa foriru el la kastelo kaj portu konfidenciajn leterojn al la komandanto de Gluĥov. La vojevodo komplotas, ke dumvoje li trabastonigos Mazepan.

Sed antaŭ la paĝia foriro, Zbignjev lin elvokas al duelo. Batalo! Per la pinto de sia sabro Zbignjev nevole sensigeligas kaj eljetas la reĝajn leterojn, kiujn Mazepa estis kaŝinta ĉe sia brusto. Mazepa siavice sensabrigas Zbignjev, kaj, ĉar li divenis la senesperan amon de l'junulo al lia juna bopatrino, proponas al li amikeeon kaj kunan foriron el la malbenita kastelo. Zbignjev konsentas. Soliĝinte, la scivolema paĝio « iometete » enrigardas la reĝajn sigelrompitajn leterojn. Kion li ekvidas! La reĝo ordonas al la Gluĥova komandanto, ke li ĉion disponu por la rabado de la vojevodedzino; plue, ke li fermu en turo sinjoron Mazepa'n!

III. La kavalira paĝio volas savi Ameljan kaj ŝin informi pri la raba projekto. Dumnokte li penetras en la ĉambron de Amelja, skribas kelkajn vortojn sur ventumilo, aŭdas paŝojn, jetas la ventumilon, sin kaŝas en alkovon, kontraŭvole apudestas kortuŝantan adiaŭdiran scenon inter Amelja kaj Zbignjev, estas tuj elironta, kiam alkuras la jaluza vojevodo kun noktogardistoj: ili ekvidis Mazepan ŝteliste trairanta la ĝardenon. La vojevodo insultegas sian edzinon riproĉas, ke ŝi kaŝas amanton en la alkovo. Amelja, Zbignjev juras, ke si estas senkulpa. Kiam la vojevodo ekpaŝas antaŭen al la alkovo, Zbignjev almetas pistolon al sia brusto: « Haltu! sur sojl! vi paŝos en sangon de via filo! »

La vojevodo haltas, sed ordonas, ke masonistoj tuj murfermu la alkovon, en kiu sin kaŝas Mazepa!

IV. La terura vojevodo enfermis Ameljan en malluma kamero. Zbignjev, sub robo de konfesprenonta kapuceno, penetras al ŝi kaj — ĉar li trovis la de Mazepa surskribitan ventumilon — riproĉas al la malfeliĉa Amelja, ke ŝi estas perfida kaj false-jurinta...

Feliĉe por la murenfermita paĝio, la ĉambron de Amelja la vojevodo faris kapelo por la reĝo. Tra la postaltara muro la reĝo aŭdis strangajn ĝemojn. Li ordonas, ke oni trarompu la muron... Eliras Mazepa, duonviva, kaj rakontas la aferon. Sed la vojevodo ne kredas lian klarigon. Zbignjev venĝu la patran honoron kaj duelu kun Mazepa! Dio punu la kulpulon!

V. En teruro konkludiĝas la dramo per la morto de Zbignjev, kiu sin mem mortpafas, — per la morto de Amelja, kiu, preninte venenon kaj beninte la paĝion, falas sur la ĉerkon de sia amegata Zbignjev — fine per la morto l'vojevodo, kiu, ordoninte, ke oni ligu Mazepan sur sovaĝa ĉevalo forvipota en la stepon, sin ponardas por ne fali viva en la manojn de la reĝaj armitoj. Ĉie frakasado, sango, kadavroj kaj ĉerkoj! Ĉu ne plene romantika beldramo?

∴

Interes- kaj vivplenaj estas la karakteroj. La reĝon — ekskardinalo, pedanta, hipokrita — la dramisto, eble por necesa kontrasto, pentris per iom « malhelaj koloroj » Mazepa ventkapa, virindeloga, sed altanima, sentima, prezentas agrablan mikson de petola Donjuaneco kaj nobla kavalireco. Al Zbignjev ni simpatias pro lia malfeliĉa senespera brulanta amo. Amelja estas unu al tiuj ĉarmaj, delikataj, iom naivaj kaj nebulecaj figuroj (ekz. Ofelio), kiujn la dramistoj kutimas trapasigi tra plej terurigaj tragedioj, enmiksi en plej neeliréblajn situaciojn por naski kompaton kaj eltiri larmojn.

En tiu historia dramo, Slowacki lerte pentris transiran epokon de Ukraina societo. Sub kovro de belvorteco, belmaniereco, en la vojevoda kastelo sovaĝas senretenaj pasioj, venĝemaj sentoj, plej kruda bruteco.

∴

Restas al mi mallonge paroli pri la traduko de tia majstro, kiel estas S-ro Grabowski. Ĉu bezonas laŭdi ties riĉecon, fleksebleeon, energion kaj la profundan konon kaj senton pri nunaj kaj eble postaj kapabloj de nia lingvo? Eble oni rimarkigos, ke la stilo de « Mazepa » estas malpli flua, facillega, bonsona ol tiu de « Halka ». Povas esti! Sed ĝi estas pli konciza, pli muskola kaj nerva. Cetere ni ne malatentu, ke la dua verko estas lirika kaj porkanta, la unua estas drama kaj pordeklama. Kompreneble nur sur la scenejo plene kaj ĝuste povos elmontriĝi la stila, kiel ankaŭ la teatra, valoro de la Grabowski'a traduko.

∴

Laŭ gramatika vidpunkto, mi notis multfojan forigon de finiĝoj dank'al lerta apud metado de vortoj per streketo, ekz. *virin-logilo,*, *nokt-aero*, *blind-rapide*, *malfidel-edzinoj*, *testament-plenumanto*, *larm-okuloj*; eĉ *ankor'-hodiaŭ* (17); — *unu ŝi* (28) por montri la in-sekson de *unu*; — oftan subkom-

# ESPERANTISMO

## ONI KONGRESAS

**La 4-a Belga Esperantista Kongreso,** (Gento, 26-27 majo) estis tre brila. La ĉeestantoj estis pli multnombraj ol lastan jaron kaj fremdaj samideanoj el Anglujo, Francujo kaj Nederlando partoprenis. Kiel kutime la gekongresanoj estis oficiale akceptataj de la Urbestraro kaj la honorvinon ĉiuj estis invitataj trinki. La skabeno faris tre interesan paroladeton en kiu li skizis la historion de la internacia lingvo, montrante per sia kompetenteco, la intereson, kiun li havas por nia afero.

Poste, okazis la ĝenerala kunveno en la ĉambrego de la Borso. S-ro Witterijck, posteulo de la bedaŭrata S-ro Van der Biest-Andelhof kiel estro de la Belga Ligo, prezidis. Tre elokvente li klarigis sian programon, atentigante la ĉeestantojn pri la plej bonaj rimedoj uzotaj por progresigi la movadon en Belgujo. La sekretario, S-ro Champy, prezentis la raporton pri la agado de la Ligo dum la pasinta periodo. Li konstatis en diversaj partoj de la lando kaj speciale en Antverpeno Gento kaj Charleroi, gravajn progresojn. S-ro Mathieux, kasisto, konigis ke la enkaso en bona proporcio pligrandiĝis.

Fine diversaj proponoj por plibonigi la jam estantajn organizaĵojn estis aprobataj de la ĉeestantaro. Oni elektis kiel sidejon de la proksima kongreso la urbojn Lieĝo kaj Spa.

Apud la kunvenejo okazis la festeno tre gaja kiel ĉiam. Post fotografado de la kongresanaro ĉiuj disiĝis por viziti la urbon laŭvole.

Gento enhavas multajn interesegajn memoraĵojn pri sia glora estinteco. Vidindaj estas la malnovaj preĝejoj de St-Bavon kaj Nikolas kaj la antikva kastelo de la flandraj grafoj. Sed rapide alvenis la nokto. Tiam la kongresanoj kunvenis en teatro por aŭdi diversajn kantojn kaj monologojn kaj tri esperantajn teatraĵojn : « Por kvietaj Personoj » « Duonsurda » kaj la Fianĉiniĝo de Sovaĝulieto. La fama aŭtorino « Roksano » el Béziers ĉeestis kaj eĉ ludis rolon.

Lundon matene, oni vizitis la famajn florkulturejojn konatajn de la tuta tero. Ili enhavas la plej belajn kaj plej strangajn kreskaĵojn. Kelkaj ekzempleroj eĉ estas unikaj. Posttagmeze ŝipo, promenadigis la kongresanoj laŭ longe de la rivero Lys. Post 1 1/2 horo ili elŝipiĝis ĉe kampara kafejo kie ili ripozis kaj dancadis. Vespere ĉiuj revenis ĝoje al Gento kaj disiĝis por porti al ĉiuj flankoj de Belgujo sian entuziasmon kaj sian refortigitan fervoron. — F. M.

**Kvina Brita Esperantista Kongreso.** — *Portrush* (Irlando). 25-28-an majo 1912. La kongreso estis sukceso en ĉiuj rilatoj : organizado, labora kunveno kaj ekskursoj. La vetero ankaŭ estis taŭga, bela suno brilis dum la tuta ĉeesto de l'esperantistoj en Irlando.

La Vicreĝo de Irlando estis alta protektanto de la kongreso, kaj akceptis la samideanaron en siaj belaj ĝardenoj. Similan bonvenan akceptadon de la urbaj konsilantaroj ricevis ili ĉe la urbaj domoj de Portrush kaj Coleraine ; en ambaŭ urboj okazis interesplenaj kunvenoj, koncerto en la unua, propagandaj paroladoj en la dua. Nia amiko kaj prezidanto, H. B. Mudie, priskribis la utilon de internacia lingvo, ĝian progresadon kaj la kreon de societoj, inter kiuj estas U. E. A. kies celo estas la helpado al la esperantistoj. Tiu parolado kaj la diversaj paroladetoj faritaj en la parkoj, la preĝejoj kaj ĉe la salonego de la Framasona Komunikiĝo de Coleraine multe helpis al la disvastigado de Esperanto en Irlando.

Ĉiuj ĉeestantoj multe ĝuis la belegajn ekskursojn organizitajn de la komitato en la ĉirkaŭaĵoj de la kongresurbo. Por pluaj detaloj oni legu la julian numeron de British Esperantist, en kiu estos priskribitaj la vidindaĵoj de Irlando vizititaj de la kongresanoj.

La plej interesa afero sciigota al la alilanda samideanaro estas la decidoj voĉdonitaj de la britaj samideanoj en sia ĝenerala kunveno rilate al la elekto de Delegitoj por la Krakova Kongreso, kaj pri la demando pri ĝenerala Organizo de la Esperantistaro. La legantoj trovos ilin sub alia rubriko de tiu ĉi N-o. — P. B.

**Kvara Dana Jarkunveno.** — La 26 27 majo la danaj Esperantistoj kvaran fojon havis sian jarkunvenon, kiu okazis en la bela jutlanda urbo Vejle. La nombro de enlandaj partoprenantoj estis proksimume la sama kiel la antaŭjara, nome ĉ. 60 sed la eksterlandaj samideanoj plezurigis la danojn per proporcie granda aliĝo, ĉ. 70 germanoj kaj 1 norvega fraŭlino pasigantaj la pentekoston en la kongreset-urbo, alvokitaj per la bela gvidlibro eldonita de S-ro Andr. Nissen. Malgraŭ ne tute favora vetero la samideanoj dum la du tagoj faris diversajn ekskursojn en la belan cirkaŭaĵo de la urbon.

Dimanĉon la esperantistoj estis la gastoj de la Vejle Esp. Grupo, kaj malgraŭ tio ke oni ĉi tie, kiel dum la tutaj arkunveno forte sentis la foreston de la malsana honora kongres-prezidanto, la maljuna S-ro M. Packness, oni pasigis kelkajn tre agrablajn horojn, dank'al unue la gastamo de la Vejlanoj kaj krome al la muziko de S-ro G. Jespersen, la kantoj de S-ino Melchior kaj la deklamo de F-ino Senfft. Sed la plej grandan surprizon kaj admiron kaŭzis la laŭtlegado de « Ferje Vigen », brile esperantigata de S-ro G. Egly ; oni ne komprenis kiel li povis fari tian grandan laboron samtempe kiam li faris la grandajn aranĝojn por la publika Esp. ekspozicio malfermita dum la jarkunveno. Esperinde S-ro Egly decidos eldoni sian tradukajon, kiu efektive meritas esti konata eksterlande kaj certe trovos legantojn inter la multaj admirantoj de Henrik Ibsen.

La 27-an okazis la festmanĝo en « Grand Hôtel » kie regis la plej humora sento. Por doni al delegitoj de la provincaj kluboj, kiuj malofte persone povas ĉeesti la ordinarajn ĝeneralkunvenojn okazon diskuti diversajn aferojn, oni aranĝis eksterordinaran ĝeneralkunvenon de C. D. E. L. okazintan la 26-an, tie estis pritraktataj inter diversaj aferoj la demando pri oficiala dana gazeto. Bedaŭrinde « Dana Esperantisto » pro financaj kaŭzoj ĉesis ekzisti, sed ĝia ĉef-redaktoro, S-ro Nissen, kondiĉe je kelkaj centoj da abonantoj, ofereme promesis eldoni novan-gazeton « Danlando ». Kompreneble la kunveno unuvoĉe esprimas sian dankon al S-ro Nissen. Esperinde la gazeto ankaŭ havos apogon el la eksterlando, tiamaniere ke la ekzistado de « Danlando » estos certigata. Alia punkto en la tagordo estis la starigata internacia organizo, bedaŭrinde oni ankoraŭ ne estis ricevinta la proponon pri la regularo, malgraŭ tio, ke estas malpli ol tri monatoj ĝis la kongreso en Krakovo. Do oni ne povis diskuti la organizdemandon mult-vorte, sed akceptis proponon pri jena deziresprimo, sendota al la Centra Oficejo : « Centra Dana Esperantista Ligo esprimas la deziron, ke la internacia organizo estu fondota en tia maniero, ke oni efektive povas konsideri ĝin kiel la deziron de la plimulto de la organizitaj esperantistoj ».

La 29-an okazis la unua dana Esperantia kunveno. Oni faris jenajn decidojn : 1. Se eble eldoni gvidfolion pri U. E. A., en dana lingvo ; 2. Starigi rondirantajn kajerojn ; 3. Esplori la demandon pri afiŝoj por delegitoj ; 4. Atentigi interesulojn pri la fakaj asocioj, kaj

---

prenon de *esti* — *re* kun celа akuzativo en *renflugi*, *ren-iri*, *ren-voki* ; forigon de pronomo-subjekto. Mi notis ankaŭ kelkan uzon de infinitivo kun ordona senco : *disrompi murojn ! ĉiujn honori ! estingi lumojn !* k. t. p.

Laŭ vortara vidpunkto, mi rimarkis nur malmultajn neologismojn aŭ aliigojn de sencoj : *afekcie* (2), *perversa* (6), *nesolida* (7), *gapulo* (31, 38, 40...), *turkusa* (33, 44), *negr'vojevoda* (34 : nigra ĉevalo de vojevodo ? ?), premantan (?) panon (80).

Povu tiu recenzo plifaciligi la legadon kaj prezentadon de Mazepa al kelkaj ne ankoraŭ tute spertaj Esperantistoj ! Ĝi povu instigi multajn, ke ili mendu la libron kaj ĝuadu ĉe la legado la artan plezuron, kiun la originalo sentigis al mi pere de la altavalora traduko de nia dua majstro S-ro A. Grabowski !

VERTO.

5. Sendi al la Centra Oficejo de U. E. A., la deziresprimon : « Danaj anoj de U. E. A., konsiderantaj ke la Asocio havas sian grandan signifon nur ĉar ĝi praktike laboras per Esperanto kaj ne celas propagandi la lingvon esprimas la deziron ke la Asocio ne aliformiĝu kaj ke ĝi ne klopodu esti konsiderata kiel la Oficiala Centra Organizo de la Esperantistaro ».

Fine la delegitoj elektis S-ron Ad. B. Hansen, Kopenhago, kiel Distriktan Delegiton por Danujo.

La reprezentantaro de C. D. E. L. en sia kunveno la 8 junio decidis ke la proksima jarkunveno okazu en Aarhus, Pentekoste 1913 ; unu el la fervoraj aarhus'aj anoj estis promesinta al la Ligo la sumon de Kr. 100 por propagando en la urbo se oni aranĝos la kunvenon tie.

ADOBA.

**Orientbohemuja Federacio** havis kongreson en *Kut. Hora* (Bohem., Aŭstrio) la 26 v. — Ĉeestis 70 anoj. Parolante pri la demando, kiel sin organizi, *S-ro Kudrna*, delegito, priskribis *modelan organizadon de U. E. A.* Unuanime, estis akceptata propono fari urĝajn paŝojn, ke la registaroj enkonduku Esperanton en lernejojn. Estonta kongreso : *Chrudim*, kie referos la samtempe elektita komisiono pri orientbohemujaj esp. rilatoj. — Decidoj pri kongreso en *Krakov*. — Al nia *Majstro* sendita saluttelegramo. Trarigardo de kistoriaj memorindaĵoj kun esp. klarigoj per la prezidanto *S-ro Horŭcek*. Komuna tagmanĝo. Akademio kun beleta programo esp. kaj muzika. La tagon poste elflugoj en ĉirkaŭaĵo de K. Hora. K. K.

## KRONIKO

**Novaj Grupoj kaj Societoj.** — En *Hiraklejon* (Kret-Insulo) fondiĝis la « Panhelena Kreta Esp. Societo » ; prez. : S-ro P. D. Malagardis ; sekr. : S-ro J. Serkedakis. — S.

En *Porto* (Portugal.) ĵus fondita agema grupo jam disdonis 5.000 presaĵojn pri Esp. kaj U. E. A., kaj surgluigis tra la stratoj 1.000 afiŝojn ; ĝi ankaŭ organizis ekspozicion de interŝanĝitaj poŝtkartoj. — de S.

**Novaj kursoj.** — En *Graz* (Stirio), post parolado, novan kurson direktas en la Universitato S-ro J. Dondorfer. 15 ĉeestantoj. — K. B.

En *Muggia* (Ital.) 27 majo, S-ro D. Cossaro ; 78 lernantoj. — K.

En *Kolomija* (Galicio, Aŭstr.) de S-ro Kalmus kun 20 lernantoj ; plie 50 personoj private lernas nian lingvon. — O. K.

En *Porto* (Portugal) enskribo estas malfermita por 3 kursoj. — da S.

En *Rusĉuk* (Bulgar.) kun 200 personoj, post malferma paroladeto de S-ro Terekief ; la kurson direktas S-ro Malĉev.

En *Ŝanghai* (Ĥinl.) 4 kursoj 2 por virinoj, 1 por socialistoj, 1 por estontaj propagandistoj. — K. Ĉ. Ŝ.

**Kunvenoj kaj festoj.** — *Astraĥano.* — La 27-an de majo 1912, esperantistoj faris jubilean feston okaze de 25 jara ekzistado de Esperanto. Nokte, sur boatoj hele ornamitaj per verdaj lanternoj, steloj, flagetoj, ili veturadis laŭ la kanalo, fluanta meze de la urbo. Nekonata lingvo, verda lumo allogis atenton de promenantoj sur la kajo, multaj personoj, jam sciis, ke tiuj ĉi estas esperantistoj, ke ili parolas la saman lingvon en kiu parolis S-ro Parrish. Jes, ni Esperantistoj astraĥanaj devas tre danki Parrish'on, ĉar li multon faris por Esperantismo en nia urbo. — I. A.

*Parizo.* — La 2-an de Junio, ĝuste 25 jarojn post la apero de l'unua broŝuro pri Esperanto, la Paris'aj Esperantistoj solene festis la jubileon en la salono de l'Urbdomo de la Va distrikto de Paris, sub la honora prezido de S-ro Rollet de l'Isle, prezidanto de la Societo franca por la prop. de Esperanto kaj efektiva prezido de S-ro Cart, vicprezidanto de la Sepa. La programo de l'koncerto, tute en Esperanto, estis organizita de la Zamenhofa Artista Adeptaro (reĝisoro V. Devjatnin) kun la helpo de l'konata « Estudiantina Cœcilia ».

Inter la multnombra franca ĉeestantaro, estis samideanoj el Aŭstralio, Anglolando, Germanlando, Ruslando kaj Serbio.

La gazetaro esperantista estis bone reprezentita de F-ino Royer (Juna Esperantisto). D-ro Noel (Lingvo Internacia) S-ro Houbart (La Movado) S-ro de Coppet (La Dek-Sepa) kaj S-ro Fréchas (Le Monde Espérantiste). Sin senkulpigis letere, S-ro Generalo Sébert. Unuvorte, nova glora tago por Esperanto kaj Esperantismo ! ! !

En *Memmingen.* — La 2-an de junio 1912, je la tago de la 25 datreveno de la publikigo de nia kara lingvo, okazis la 2-a kunveno de la ŝvabaj gesamideanoj. Multnombraj esperantistoj el München, Augsburg, Kempten, Kaufbeuren, Oberstdorf, Leutkirch, Biberach a/R., Babenhausen, Legau und Lautrach partoprenis.

Post komuna vizito de la urba muzeo, oni kunvenis en la ĉambrego de la urbodomo, kie la festoratoro S-ro prof. D-ro Ledermann (Augsburg) en plej klara kaj plej konvinka maniero paroladis pri la temo « 25 jaroj Esperanto ». Estas rimarkinde, ke la urba magistrato sendis oficialan reprezentanton ; S-ro juĝkonsilanto Bingger salutis la gastojn, dezirante al nia afero bonan sukceson.

En dua ĉambrego de la urba domo estis aranĝita riĉenhava ekspozicio de esperanta literaturo. Posttagmeze oni gaje kunvenis ĉe koncerto kaj danco. Post entuziasma kantado de nia himno kaj sendinte telegramon al nia kara majstro oni fermis la sukcesplenan kunvenon. — W. D.

*Stuttgart.* — La 16 junio kunvenis je la 10-a matene en la kunvenejo de la Stutgarta Esperanto Stelo Elsasser Taverne ĉirkaŭe 50 esperantistoj el la würtemberga lando. S-ro Hengstenberg el Esslingen kunvokis ilin por priparolado de la fondo de « Württembergischer Esperanto-Landes-Verband ». Oni elektis komisionon por la prilaborado de la reguloj ktp. Oni jam proponis ke ĉiuj membroj de W. E. L. V. ankaŭ fariĝos anoj de U. E. A. — A. H.

*Komarko.* — Por solenigi la XXV-an datrevenon pri la apero de la unua lernolibro verkita Esperante la societoj de *Komarko* kataluna (Hispanlando) unuiĝis por aranĝi belegan kaj amuzan feston kiu okazos en *Sabadell* proksiman junion. Unu el la plej simpatiaj numeroj el tiu festo kaj kiu alportos altan signifon pri la divastiĝado de nia karega lingvo estos sendubela ŝanĝo de stratnomo el la nomita urbo per tiu de nia majstro D-ro Zamenhof, kies konsenton oni akiris de la urbestraro, kiu voĉdonis ĝin unuanime kaj ankaŭ permesis al la muzikistaro fari koncertojn, por ke la ceteraj numeroj estu pli amuzaj kaj ĝojoplenaj

*Londono.* — La 24 majo, okazis kunveno de la Londonaj Esperantianoj. Estis decidata serĉi sufiĉe da garantiantoj por starigi salajriton oficiston de U. E. A., en Londono.

*25 jara jubileo de E.* — Esperantistoj el Pardubice kaj Chrudim (Bohemujo) kunvenis en *Mikulovice*, kie ili festenis la jubilean datrevenon de E. per recitado, kantado, amuzado, k. t. p. Por estonta kongreso en Chrudim, oni studos aŭ : « Mistero de l'Doloro », aŭ oni preparos tradukon de ia eminenta bohema teatraĵo. **Kunveno en Bisovany** : *Vojaĝo en Orienton* S-ro J. Sukal « Aviado kaj Esperanto » S-ro K. Kudrna, ambaŭ paroladoj kun lumbildoj.

**Paroladoj.** — La 24 de majo en *Muggia* (Ital.) malferma parolado de l'kurso (S-ro D. Cossaro) ; le 2 de junio, de la sama oratoro, rememoriga parolado pri nia jubileo. — K.

**Paroladvojaĝo Parrish.** — En *Moskvo*, ĉe la teknika lernejo, antaŭ 300 personoj ; en *Saratov*, 23 majo, malgranda aŭskultantaro ; en *Tiflis*, 31 majo, 400 personoj : en *Baku*, 8 junio 45 ; en *Batum*, 17 junio, 250 ; en *Kostroma* la *99-a* parolado ; dum unu jaro kaj unu monato, S-ro Parrish vizitis 19 landoj 20 diversaj lingvoj.

**Esperantiaj distritaj kunvenoj.** — *Burgonjo.* — Ĝi okazis en Tournus, la dimanĉon 26 majo, je la 5-a vespere en la urbdomo. Prezidis S-ro Th. Rousseau, Distr., Del. Ĉeestis la Delegitoj de Autun, Auxerre, Beaune, Chalon-sur-Saône, Dijon, Le Creusot, Dole, Tournus, Bourg ; okazis detala esplorado de la situacio de U. E. A., en ĉuj lokoj de la Distrikto, S-ro Rousseau klarigis al ĉiu Del., la partojn de lia tasko kiuj ŝajnis ne klaraj, kaj helpata de la spertoj de la ĉeestantaj Del. donis konsilojn pri la agado de ĉiu.

Oni decidis proponi al la Centra Oficejo de U. E. A. kandidatojn por esti Delegitoj en Tonnerre, Avallon, Lons-le-Saulnier, kaj Chagny.

Unuanime la kunveno voĉdonis jenan deziresprimon : « Konsiderante ke la propono de S-ro Pillath (1), del. en Essen pri aldono al

(1) Vidu « Esperanto » 5 majo 1912.

la § 59, de la statuto de U. E. A. kaj liaj klarigoj pri tiu propono estas tute pravaj :

La Burgonjaj Delegitoj de U. E. A., esprimas la deziron ke la voĉdonrajtaj Del. kiel eble plej baldaŭ postulu de C. O. de U. E. A. ke ĝi submetu la proponon al la ĝenerala voĉdono, laŭ § 52 de la statutoj ». — Th. R.

*Danujo*. — La kunveno okazis la 26 majo en Vejle, sub la prezido de S-ro Baruel. Oni diskutis pri la dezirindeco havi danajn propagandfoliojn pri U. E. A. ; S-ro Hansen estis komisiata pri la redaktado. La kunveno decidis starigi rondirontan kajeron, instigi la korespondemulojn aliĝi al la interŝanĝa fako kaj ekzameni la eldonon de afiŝoj. Koncerne la organizan demandon, la kunveno alprenis la jenan deziresprimon : « Danaj anoj de U. E. A., konsiderante, ke la Asocio havas sian grandan signifon nur ĉar ĝi praktike laboras per Esperanto kaj ne celas propagandi la lingvon, esprimas la deziron, ke la Asocio ne aliformiĝu kaj ke ĝi ne klopodu esti konsiderata kiel la oficiala centra organizo de la Esperantistoj ». S-ro Hansen estis konfirmata kiel distrikta Delegito.

## OKAZONTAJ KUNVENOJ

### Esperantista Kalendaro

*Julio*

(9-12). — Kongreso de la « Esperanto Asocio de Usono » en *Boston*.

(27-31). — Kongreso de Germana Esperanto Asocio en *Danzig-Zoppot*.

*Aŭgusto*

Tria internacia katolika kongreso en *Budapeŝto*.

(4). — Jara kunveno de la Holanda Societo Esperantista : « La Estonto estas Nia » en *Utreĥt*.

(6-9). — Tria kongreso de Itala Esperanto Asocio en *Verona*.

(11-18). — Oka kongreso de Esperanto en *Krakovo*.

(11-18). — Tria kongreso de U. E. A. en *Krakovo*.

Unua hungarlanda kongreso Esperantista en *Budapeŝto*.

*Oktobro*

Dua Aŭstralia Esperantista kongreso en Melbourne.

(13). — Dekoka konferenco de la Esp. Federacio de Lancashire kaj Cheshire en Chorley.

C. O. de U. E. A.

## KRAKOVAJ KONGRESOJ

### Oka Kongreso de Esperanto.

*Urĝas* ! Personoj, kiuj intencas partopreni la Okan sendu senprokraste sian aliĝon, ĉar nur tiuj, kiuj aliĝos sufiĉe frue, povos profiti rabaton sur ĉiuj ŝtataj fervojaj linioj en Aŭstrio. Al tiuj, kiuj aliĝos en la lasta momento estos neeble sendi rabatilon, per kiu ili sepre devas sin legitimi aĉetante rabatitan bileton. (Komunikita).

### Tria Kongreso de U. E. A.

Ni rememorigas, ke la Kongreskarto de la Kongreso de U. E. A. kostas *2 Sm*. La personoj, kiuj ne povas ĉeesti la Kongreson, sed tamen deziras ricevi la Kongresdokumentojn, povas fariĝi helpkongresanoj pagante 1 Sm. La kongresanoj ricevos en Krakovo mem la kongresaktojn post prezento de sia kongreskarto. Ni tre petas, ke oni bonvolu kiel eble plej baldaŭ sendi sian aliĝon.

### Karavanoj al la Kongresurbo.

Vidu pri tiu grava punkto la artikolon aperantan ĉi poste.

## Esperantiaj Karavanoj al Krakovo

Post prepara vojaĝo de S-ro Poncet kaj sekve de serioza studo, la Komisiono de la Esperantiaj Karavanoj elektis la jenan projekton.

Du karavanoj kondukos al Krakovo, unu el Paris alia el Lyon, laŭ sekvantaj vojoj :

Paris, Nancy, Strasbourg, Karlsruhe, Stuttgart, Augsburg, München ; aŭ Lyon, Genève, Zürich, Lindau, München ; kaj poste kune, München, Salzburg, Linz, Wien, Krakov.

La horaro estas :

*Mardon 6*. aŭgusto : 7-a h. 18 vespere el Lyon, 10-a h. 15 v. el Paris ; *Merkredon 7*. aŭgusto 12.38 m. al Genève, 4.09 m. al Nancy, 1.00 m. el Genève, 4.19 m. el Nancy, 8.02 m. al Zürich, 8.00 m. al Strasbourg, 8.43 m. el Zürich, 9.00 m. el Strasbourg, 12.05 v. al Lindau, 12.42 v. al Stuttgart, 2.25 v. el Lindau, 12.56 v. el Stuttgart, 5.50 v. al München, 5.09 v. al München ; *Jaŭdon 8* : restado en München ; *Vendredon 9*. : 7a h. 05 m. el München, 10.06 m. al Salzburg, tagmeze vizito de Salzburg, 3.09 v. el el Salzburg, 9.35 v. al Wien ; *Sabaton 10* ; matene kaj posttagmeze vizito de Wien, 9,20 v. el Wien ; *Dimanĉon 11*. : 5.25 m. al Krakow.

La Komisiono decidis, ke la karavanoj, kunfanditaj en München, vizitos kune, sub direkto de S-ro Poncet kaj de la lokaj Delegitoj de U. E. A. la 3 urbojn : München, Salzburg kaj Wien.

Do la Paris'a Karavano rapidege traveturos orientan Franĉlandon kaj sudan Germanlandon, dum la Lyon'a preskaŭ senhalte pasos tra Svislando kaj Bavarujo, ĉar ni opiniis ke multaj el la partoprenontoj jam konas tiujn regionojn najbarajn al niaj hejmoj.

En München, ĵaŭdon matene, ni vizitos preĝejojn kaj ĉefajn monumentojn ; posttagmeze ni klopodos organizi promenadon per aŭtomobiloj aŭ veturiloj ; vespere, ĉe la Bavara Metia Ekspozicio, ni estos akceptataj de niaj gesamideanoj.

En Salzburg, vendredon, ni veturos per ŝnuregvagono al la malnova kastelo, el kie oni ĝuas belegan panoramon super la tuta regiono ; poste ni vizitos kelkajn preĝejojn kaj la domon kie naskiĝis Mozart kaj kie estas lia muzeo.

En Wien, sabaton matene, ni travagos la kvartalon de la Imperiestra Palaco, de la Urbdomo kaj de la Universitato ; posttagmeze ni organizis kvarhoran veturadon per specialaj luksaj tramoj ; tiel ĉiu havos ĝeneralan impreson pri la ĉefurbo kaj revenante povos viziti aŭ muzeojn aŭ palacojn aŭ preĝejojn aŭ Schœnbrunn laŭ sia plaĉo.

El plezura vidpunkto, la vojaĝo estos do tre interesa kaj ne tro laciga.

Sed la Komisiono ankaŭ zorgis pri ĉiuj praktikaj aferoj. En ĉiu urbo, la ĉambroj estos antaŭe luitaj por ĉiuj partoprenantoj kaj la manĝajoj menditaj. Nur la tagmanĝo de la merkredo 7 ne estos organizita de la Komisiono : tiuj el Paris devos kunpreni manĝajojn aŭ povos manĝi en la manĝovagono ; tiuj el Lyon tagmanĝos en Lindaŭ ĉe restoracio apud la lago de Konstanz (Bodensee) sed ĉiu pagos aparte.

La Komisionanoj do nun kalkulas ĉiujn elspezojn (fervojo en III-a klaso, hoteloj, restoracioj, trinkmonoj, tramveturadoj, eniro en muzeojn kaj ekspozicion, k. a., escepte la trinkajoj kaj la matenmanĝoj) ; ili jam povas proponi elspezplanon ; sed ĉi tiu ne estas definitiva : oni ne ricevis ĝis nun plene precizan respondon de la Delegitoj de U. E. A. kaj oni esperas ricevi ankaŭ kelkajn rabatojn. Do tiu elspezplano montras ĝenerale nur maksimumajn prezojn, ne nur por la fervojo sed ankaŭ por hoteloj, restoracioj, k. a.

| | Fervojo | Aliaj elsp. | Tuta sumo |
|---|---|---|---|
| El Paris al Krakov | $ 31.50 | $ 18.75 | $ 50.25 |
| El Nancy | 24.20 | 18.50 | 42.70 |
| El Strasbourg | 23 » | 18.25 | 41.25 |
| El Stuttgart | 14.10 | 18 » | 32.10 |
| El Lyon | 27.80 | 18.75 | 46.55 |
| El Genève | 24.40 | 18.50 | 42.70 |
| El Lindau | 16.80 | 18 » | 34.80 |
| El München | 13 » | 9 » | 22 » |
| El Salzburg | 10 » | 6.50 | 16.50 |

Oni bonvolu rimarki, ke tiuj prezoj estas *maksimumaj*, ĉar se estas pli ol 12 personoj en Franclando aŭ pli ol 16 en Svislando la fervojaj rabatoj estos pli gravaj. En proksima N-o de *Esperanto* tiuj prezoj estos plej precize montritaj. La personoj dezirantaj ricevi specialajn informojn povas sin turni al S-ro Schmid, del. en Bern, aŭ al S-ro Genermont, subdel, 71, rue Monge, Paris aŭ al S-ro Poncet. Kons., 78, rue de l'Hôtel-de-Ville, en Lyon (aldonante respondkuponon aŭ poŝtmarkon). Cirkulero kun ĉiuj detalaj informoj estos sendata dum julio al ĉiuj petantoj.

Estas atentinde, ke en Paris kuniĝos Britoj, Amerikanoj kaj Francoj ; kaj en Lyon Hispanoj, Portugaloj, Afrikanoj kaj Francoj ; dum la vojo, la Karavanoj kunigos plie Germanojn, Svisojn, Italojn, Belgojn kaj Aŭstrianojn ; ili do estos nepre internaciaj Karavanoj.

*La Komisiono :*
J. Schmid, M. Génermont, L. Poncet.

## III. INTERNACIA KONGRESO de KALOTIKAJ ESPERANTISTOJ BUDAPEST 1912

### *II. Cirkulero*

*Gvidlibro.* Aperis luksa ilustrita gvidlibro tra Budapest. Mendebla per la redakcio de la Verda Standardo Budapest, IX. Vlloi oi ut 59 por du respondkuponoj la Kongresanoj de la Tria ricevas ĝin senpage.

*Apostola beno.* Nia prezidanto s-ro d-ro Aleksandro Giesswein, antaŭ kelkaj semajnoj vizitante Romon, ricevis de Lia Papa Sankteco la apostolan benon kaj indulgencon por la partoprenontoj de nia Tria. *La Tagoj* de la Tria ankoraŭ ne estas tute precize fiksitaj, tio dependas de la fiksota programo de la Oka.

*Alveno* al Budapest. La plej multo el niaj gastoj partoprenos ankaŭ la Okan, kaj la ekskurson al Zakopanje, tial la Organiza Komitato aranĝos la alvenon per veturiloj el Zakopanje al Hungarlando ĝis Barlangliget. Kiuj ne volas partopreni tiun ekskurson, bonvolu sciigi la Organizan Komitaton pri la tago de sia alveno al Budapest.

*Pri preskaŭ senpagaj* loĝejoj estas jam zorgite. Kiuj venas rekte al Budapest, povas ricevi la saman loĝejon ĉi tie jam antaŭ la kongreso. Rimarkinde, estas, ke la 20-a de aŭgusto estas granda hungara nacia kaj eklezia festo.

*Programo.* La unuan tagon matene okazos Diservo kaj prediko en la universitata preĝejo, antaŭtagmeze solena malfermo de la Kongreso kun la malferma parolado de la prezidanto de la Tria, d-ro A. Giesswein.

*Ĉef punktoj de la progamo :* La societo apologia. La terminoj teologiaj kaj eklezia en Esperanto. Pacifismo kaj Esperanto. La kontraŭalkohola movado en diversaj landoj. La unuiĝo de la kristanaro precipe rilate al la orienta Eklezio. La scienco kaj Esperanto.

Oni petas la partoprenontojn sendi la aliĝilon kaj skribi la tagon de la alveno kiel eble plej frue, precipe se iu deziras uzi la supreditan malmultekostan loĝejon. — Loka Organiza Komitato.

## DIVERSAĴOJ

.˙. *Esperanto-Konkurso Michelin.* — Ni povas doni ĝeneralajn informojn pri la ĉefaj punktoj de la regularo. Konkurso dotita je la sumo da 20.000 frankoj por premioj, donacita de S roj Michelin, kaj celanta la propagandon de Esperanto en Francujo, estos malfermata je la 1. januaro 1913 inter ĉiuj junuloj malpli ol 19-jaraj. Tiu konkurso okazonta dum Pasko 1913 enhavos du partojn ; unu eliminos, alia fiksos la klasigon. Nur tiu lasta parto okazos ĉe difinitaj lokoj sub la kontrolo de specialaj delegitoj. La sumo da 20.000 fr. estos tute disdonata je 500 premioj, kies valoro varios de 20 ĝis 2.000 fr.

*Lingva Komitato.* — La L. K. malaprobas la enkondukon de la litero w en Esperanto kaj akceptas la ortografion « vaĉo », « varfo », « vinĉo », anstataŭ « waĉo », « warfo » « winĉo » de la Marista Terminaro.

La L. K. aprobis la raporton de S-ro Cart pri la protestoj kontraŭ la vortaro de S-ro Grosjean-Maupin. Nova regularo de la L. K. estis akceptata. — O. G.

.˙. *Gvidfolioj kaj gvidlibroj.* — La Hungarlanda Esp. Societo eldonis tre belan *Gvidlibron tra Budapest*, riĉe ilustritan kaj tre kompletan. Plano de la urbo estas aldonita. Tiu gvidlibro estas mendebla ĉe la Hungara Esp. Societo (Ulloï-ut 59, Budapest) kontraŭ du respondkuponoj.

Sub la aŭspicioj de U. E. A., ĵus aperis novaj tra gvidfolioj *Sevilla, Stuttgart* (4 paĝoj), *Rorschach, České Budejovice* kaj *universitata gvidfolio* tra *Peterbugo.*

.˙. *Urbaj balotoj en Francujo.* — Ĵus okazis en Francujo la reelekto de la urbaj konsilantoj.

En Cannes (Provenco) nia delegito S-ro Cresp sin prezentis al la voĉdono nur kiel Esperantisto. Per grandaj afiŝoj li konigis sian programon. Li diris :

> Metante sian karan ideon super ĉiu politika demando la esperantistoj opinias ke la homo, post siaj devoj al la patrujo, havas ankaŭ devojn al la homaro. Voĉdonu por la esperantista kandidato kiu neniam aliĝis al iu politika partio. Li estas sendependa, li estas kontraŭ neniu, li estas nur por Cannes kaj por Esperanto.

S-ro Cresp estas certe la unua kandidato kiu sin prezentis sen politika programo kaj kiu kuraĝis montri nur poresperantan programon. Lia sukceso estis neesperebla.

Li ricevis 517 voĉojn. Kompreneble la politikaj kandidatoj ne estis kontentaj kiam ili vidis tian kandidatecon, kaj ili atakis S-ron Cresp.

Ni petas ke ĉiuj esperantianoj sendu poŝtkartojn al S-ro Cresp por gratuli lin. S-ro Cresp aranĝos ekspozicion per la poŝtkartoj kiujn li ricevos kaj tiamaniere li montros, ke nun la Esperantistoj ne plu estas mokindaj. — J. M.

.˙. *Asekuroj.* — La germana agentejo de « Frideriko Vilhelmo », prusa akcia kompanio por viv- kaj garanti-asekuroj en Berlin eldonis prospektojn en Esperanto kaj havas specialan Esperantistan ĉefan agentejon : Max Gottgetreu-Hannover, Rundestrasse 13. Por la varbado oni donas al la Esperantistoj, grupoj kaj ligoj favoran rabaton. Oni petu fnformoin ĉe la montrita agentejo.

.˙. *Funebra monumento.* — La Esp. grupo de Condé malfermas monoferon por la starigo de funebra monumento je la memoro de la bedaŭrata leŭtenanto Mannevy, fervora propagandisto de Esperanto en Norda Francujo kaj eksdelegito de U. E. A. en Condé. Leŭtenanto Mannevy brave mortis sur la batalkampo de Maharidja (Maroko) la 9. Aprilo 1912. Ĉiuj monoferoj estos danke ricevataj de S-ro E. Flament, sekretario-kasisto de l'grupo, Condé-sur-l'Escaut (Nord, Francujo).

.˙. *Esperanto ĉe la Kristanaj Unuiĝoj de junaj viroj.* — Laŭ statistiko farita de la gazeto *Dia Regno*, rezultas, ke oni nun konas 104 unuiĝojn, en kiuj entute okazis 88 paroladoj kaj 77 kursoj pri Esperanto. Kun 82 unuiĝoj Esperanta korespondo estas ebla.

.˙. *El Ĥinujo.* — Post granda ekbato nia afero nun reboniĝis. Unue kelkaj ĥinoj, kiuj pli frue loĝis en insulo Java pro komercado aŭ instruado, jus revenis nian urbon Shanghai kaj komencis fervore sin okupi pri Esperanto. Ili opinias, ke oni devas perfekte ellerni nian lingvon kaj tial estas fondita speciala kurso, kiun gvidas S-ro Lu-Ŝi-Ĉin, Vicdel. de U. E. A. Sed la plej grava fakto estas, ke registarano de Ĥina Respubliko, S-ro Isai, tre aprobas Esperanton kaj nun intencas oficiale enkonduki ĝin en la programon por lernantoj. Jam en tri infanlernejoj oni oficiale instruas Esperanton. Krom tio private funkcias du Esperanto-Kursoj por viroj kaj eĉ du kursoj por viroj kaj eĉ du kursoj por virinoj. Lastatempe oni penas reorganizi nian Ĥina-Respublikan Esperanto-Asocion. Ni laboras kaj esperas ! — K. Ĉ. Ŝan, Del. Sanghai.

∴ *Ildepo.* — Laŭ « Poŝta Esperantisto » Ildepo (Internacia Ligo de Esperantistaj Poŝtoficistoj) kalkulas nun 125 membrojn. La Esp. Asocio de l'oficistaro de P. T. T. de Francujo kaj kolonioj havas 43 aktivajn membrojn. La germana Esperanto-Unuiĝo havas 212 anojn.

∴ *Nova Esperantista Presejo*, kiu ĵus aliĝis al U. E. A. kiel Esperantia Entrepreno, estis fondita de S-ro P. Gœring en Magdeburg (Lübeckerstr, 10) kaj ni volonte rekomendas ĝin al niaj legantoj.

∴ *Esperanto ĉe la Poŝtistoj.* — Antaŭ kelkaj monatoj fondiĝis en Parizo franca sekcio de la internacia Poŝtista Asocio. Kvankam ne ankoraŭ tre multenombra ĝi komencis laboradi. Sciante, ke oficisto ĉiam timas kontraŭbatali la opiniojn de siaj estroj, ĝi penadas unue varbi la francajn poŝtistajn eminentulojn. La prezidanto de la Societo, S-ro Michelis di Rienzi, inspektoro de la P. T. T., akompanata de S-ro Chavet ĵus vizitis oficiale S-ron Chaumet, ministro de la P. T. T. Tiu eminentulo tre afable akceptis niajn samideanojn kaj certigis ilin pri sia plena favoro el Esperanto. Li eĉ akceptis la honoran patronecon — « kun granda plezuro » li diris — de la societo.

Plie, li promesis trastudi la petojn al li faritajn pri oficiala enkonduko de Esperanto en la francan poŝtan administracion. Speciale li promesis solvi plej baldaŭ la tri jenajn demandojn :

I. — Konsideri Esperanton kiel nacian lingvon, kaj akcepti ĝin por la telegramoj ;

II. — Doni al la Esperantistaj poŝtistoj la samajn avantaĝojn kiel al la oficistoj kiuj scias aliajn vivantajn lingvojn ;

III. — Permesi ke, en ĉiuj poŝtoficejoj kie troviĝas Esperantista oficisto, oni metu oficialan afiŝon sciigantan ke, ĉe tiu fenestreto, « oni parolas Esperante ». — (Tiu lasta afero estas tre grava laŭ la propaganda vidpunkto).

Tiuj decidoj estos prenitaj nur post konsultado de la ministrejaj direktoroj. S-ro Michelis di Rienzi vizitis jam kelkajn el ili, kaj ĉiuj promesis sian helpon.

Sed, por ke la ministro konvinkiĝu pri la reala ekzisto kaj disvastiĝo de nia lingvo, estus nepre utile ke, el ĉiuj landoj, niaj samideanoj skribu al li, gratulante lin pro lia progresemo kaj kuraĝigante lin daŭrigi sian helpon al nia lingvo. Jen estas sufiĉa adreso :
Monsieur Chaumet, ministre des Postes et Télégraphes, Paris, France.

Oni skribu ĉu france, ĉu Esperante.

Por ĉiuj sciigoj pri la Esperantista poŝtista societo, oni sin turnu, ĉu al S-ro Michelis di Rienzi, 20, Avenue Reille, Paris. — ĉu al S-ro Chavet, 51, rue de Clichy, Paris.

∴ *La stenografia mondkongreso kaj Esperanto.* — Okaze de la XI-a stenografia mondkongreso aranĝota dum 1913 en Budapest, kiu estos samtempe ankaŭ jubilea festo de l'sistemo Gabelsberger, la hispanaj stenografistoj anoncis al la Hungarlanda Stenografia Societo, ke ili povos partopreni nur kondiĉe ke ilin akceptos en la hungara ĉefurbo esperantelingve parolantaj samartanoj. Sekve de tiu anonco la landa societo decidis senprokraste fari kursojn, kies unuan gvidis nia tre fervora Tiflisa samideano S-ro Ciklari. La kursoj estas konstante bone vizitataj, kaj oni rajte povas esperi, ke la stenografia mondkongreso multe antaŭenpuŝos nian movadon en Hungarujo. La Hungarlanda Stenografia Societo decidis ankaŭ eldoni ilustritan franclingvan gazeton, speciale por konigi al la diverslanda stenografistaro Hungarujon kaj ĝian viglan stenografian movadon, historion, k. t. p. La prezidanto de « l'Stenografia Klubo Korespondа » prof. Arpado *Biro* nun proponis al la komitato de la landa societo, ke ĝi eldonu la revuon ne franclingve, sed en Esperanto ; tiu propono kredeble estos akceptata.

*Esperanto kaj la ministro de l'edukado* (Ĥinujo). La ministro de l'edukado el nova registaro de Ĥinujo, S-ro Isai tre aprobas nian aferon, dirante mi ankaŭ estas unu samideano, kaj certe ĉe Pekin'o (ĉefurbo) helpos ĝin. Tio ja estas la plej bona rimedo por propagandi la karan lingvon. Nun ĥinaj Esperantistoj pene petas la Parlamentanaron, ke ili akceptu la proponon, kiu insistas konduki Esperanton en lernejoj kiel devigan sciencon.

## TRA LA GAZETARO

∴ *British Esperantist* (junio). El *Redakcia Korespondado:*

« ... Persone ni opinias, ke Esperantisto estas antaŭ ĉio homo internacia. Ordinare, li lernis Esperanton pro tio, ke li deziris iel partopreni en la internacia vivo. Al ni tute egale estas, ĉu lia vidpunkto estas literatura, socia, scienca, arta, eĉ diletanta. La ĉefa afero estas, ke konsiderante ian problemon, ian ideon, ian principon, li rilatas al ĝi internacie. Se stariĝas ia demando pri nacia politiko, ia propono rilate al la publika edukado, ia punkto de la nacia konscienco, li ne juĝas la aferon ŝoviniste, sed kiel Esperantisto, t. e. kiel homo, kiu proprasperte scias, ke ekzistas homoj en aliaj landoj, kiuj pensas kaj sentas tiel same home, kiel li mem... »

∴ *Ondo de Esperanto* (junio). Pri *Centra Organizo* (B. K) :

« ..... Nun kelke da vortoj pri nia kara U. E. A. Sendube, estas dezirinde, ke la poresperanta kaj peresperanta organizajoj nepre interkonsentu, sin interligu kaj posedu komunan gazeton, komunan jarlibron, eĉ komunan kason, ĉar en la realeco U. E. A. per Esperanto ofte propagandas... Esperanton... »

∴ *Ĉasopis Českych Esperantistu* (junio). Pri *Centra Organizo*

« ..... Se la Esperantistaro volas esti reprezentota ĉe iu okazo, ĉu ne sufiĉas por tiu celo la nacia unuiĝo kun oficiala rajtigo donita al ĝi de la esp. Kongreso, aŭ de ĉiuj ceteraj naciaj unuiĝoj? ĉu en multaj okazoj ne sufiĉus U. E. A. mem ?... Nenion ni perdos, se ni atendos duonjaron kaj oni priparolu dum la klubaj kunvenoj la artikolojn de la esp. gazetoj, por ke oni povu veni en la kongreson informitaj, pretaj akcepti aŭ rifuzi. Ĝis tiam nenion pagu. »

∴ *Germana Esperantisto* (junio). *Ĉu ni bezonas internacian organizon ?* (F. Ellersiek).

« ..... El tio sekvas, ke la celoj de por- kaj peresperanta organizaĵoj estas entute tre malsamaj (1), kaj tial ne estas eble kunigi ambaŭ, se oni ne volas krei malordon kaj malfacilaĵojn. La du asocioj devas labori ĉiu sur sia speciala kampo, tamen ili povas kaj devas havi amikajn interrilatojn. Tiuj ĉi konsistas en tio, ke la poresperanta asocio per sia laboro helpas varbi anojn por alia, dum la peresperanta asocio apogas la alian per la publika pruvo de la praktika uzebleco de Esperanto. Se la esperantistaro sur tiu ĉi bazo venus al bona interkonsento, kaj se la proponita internacia organizo de propaganda asocio apud U. E. A. efektiviĝus, tio estus plej kontentiga solvo de la demando... »

∴ *Svisa Espero* aperas nun en nova formo, ĝi eliros la 10 kaj 25 de ĉiu monato, alternante kun la gazeto *Monda Poŝto.*

∴ *Esperanto Folket* estas la nomo de nova monata esp. gazeto por Svedujo, aperanta en Helsingborg (jarabono : 1 Sm.).

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

### Honora membro.

Laŭ la invito de S-ro Jameson Johnston, Del. de U. E. A. en Dublin, S-ro Antony Traill, L. L. D., M. D., estro de la Universitato de Dublin, bonvolis akcepti la honoran membrecon de nia Asocio.

### Grava avizo.

Por eviti ĉiun malkompreniĝon, ni rememorigas, ke U. E. A. estas responda nur pri la artikoloj aperantaj en tiu

(1) Tiu pure teoria aserto devus esti pruvata per faktoj. Praktike, la publiko kaj la laborantoj, al kiuj sin turnus ambaŭ organizaĵoj, estas la samaj (H. H.).

rubriko : Oficiala Informilo. La aliaj artikoloj aperantaj en tiu ĉi gazeto ne havas oficialan karakteron, kaj estas respondaj pri ili nur la personoj, kiuj ilin subskribis.

**Aldono al Oficiala Jarlibro.**

La 1a Aldono al la Oficiala Jarlibro de U. E. A. jus aperis. Ĝi entenas la liston de la novaj Delegitoj (elektitaj de post la apero de la Jarlibro) de la Esperantiaj Entreprenoj, adresŝanĝojn. Ĝi estas necesega al ĉiuj personoj uzantaj la servojn de U. E. A. Tiu aldono estas afranke sendata kontraŭ 1 respondkupono.

**Statistiko.**

Jen la movado de la korespondajoj ĉe la C. O. de U. E. A. dum la monato Majo :

| Ricevitaj | Mandatoj | Forsenditaj |
|---|---|---|
| 1.200 | 172 | 2.026 |

Tuta sumo : 3.398 (sen la jarlibroj). Antaŭa monato : 3.023. Antaŭa jaro (sama monato) : 2.715.

**Etato de la Esperantianoj.**

Je la 1 Junio estas enkasigitaj de la Centra Kaso de U. E. A. 7857 kotizajoj por 1912 (Je la 20 Majo 7624) 186 subtenantoj.

*Fakaj membroj : Interŝanĝa*, 412 ; *Laborista Fako*, 82; *Virina Fako*, 121,

**Financoj.**

*Konteltiro de U. E. A. de Aprilo 1912.*

| Debito | Sm. | Kredito | Sm. |
|---|---|---|---|
| Loĝejo | 19.60 | Kotizajoj | 226.12 |
| Oficejo kaj Materialo | 19.48 | Subtenantoj | 8. » |
| Salajroj | 186.00 | Aprobantoj | 0.50 |
| Korespondado | 64 00 | Esperantiaj Entreprenoj | 9 39 |
| Presajoj | 8.86 | Reklamaj servoj | 2.88 |
| Propagando | 5.10 | | 246.89 |
| Afranko de Jarlibroj | 29.54 | *Saldo* | 88 49 |
| Diversajoj | 2.80 | | 335.38 |
| | 335 38 | | |

*Fakaj Kotizajoj.*

| Debito | | Kredito | Sm. |
|---|---|---|---|
| Virina Fako | 35.92 | Interŝanĝa Fako | 19.50 |
| | 35.92 | Laborista — | 1.50 |
| | | Virina — | 2.50 |
| | | Saldo | 12.42 |
| | | | 35.92 |

**Donacoj.**

De 1 ĝis 31 Majo 1912.

S-roj A. Wright Sm. 0.50, Amirzanjan Sm. 0.50; Tabatabai Sm. 0.20, Welch Sm. 0.50.

**Subtenantaj Membroj** : (12-a listo).

185, *S. Reŝko* (Lublin) ; 186, *J. Smolnicka* (Czudee).

**Novaj Del., Vic., kaj Subdel.**

Ajaccio (Francujo, Corse). — D. : Gaston Thibon, studento, préfecture.

Dax (Francujo, Landes). — D. : Fernand Lageste, place du Sablar.

Fribourg (Svisujo). — D. : Jozef Vannier, hôtel du Faucon.

Hanau a. M. (Germanujo, Hessen-Nassau). — D. : Christian Stoll, komercisto, Rhoenstr., 4.

s' Hertogenbosch (Nederlando, Nord Brabant). — D. : Mathieu-A.-G. van der Bruggen, librotenisto, Orthenstr. 44.

Homel (Rusujo, Mochileva gub.). — VD. : Leo Vigodskij.

Isola (Aŭstrio, Istrien). — SD. : Armando Camuffo, Capodistrio.

Mansfield (Anglujo, Nottinghamshire). — VD. : F-ino Lily Tucker, 70, Bagshaw Str. Pleasley near Mansfield.

Mont de Marsan (Francujo, Landes). — D. : Marcel Chaubet, agento pri vivasekuroj, av. de Bayonne, 2 bis.

Quiberon (Francujo, Morbihan). — D. : Franĉois Jaffre, au Port Haliguen.

Soham (Anglujo, Cambridgeshire). — D. : John Cyprian Rust, pastro.

Tonnerre (Francujo, Yonne). — D. : S ro Koch, 128, rue Campenot.

**Ŝanĝoj**

Brita Ŝiparo (Anglujo, Hauts). — D. : Laurence William Wright, 293, Turyford Ave., Portsmouth, Hauts.

Cambridge (Anglujo, Cambridgeshire). — D. : S-ino Henrietta Bishop, instruistino & stenografistino, 5, Alexandra Str.

Kehl a. Rhein (Germanujo, Baden). — D. : A. Paoli Schwartz, Sundheim b. Kehl, Hauptstr. 76.

Peterburg (Rusujo). — La Del. loĝas dum la somero (junio, julio, aŭgusto), en Sumy, Ĥarkova gub., Dumskaja ul., Dom. Ĥomajko. Anstataŭanto estas la Vicdel. S-ro Lorenson.

Stanislawow (Aŭstrio, Galicio). — D. : Leono Mayer, Lipovastr. 2.

Stockholm (Svedujo). — La adreso de l'Del. de junio-septembro estas F-ino Helmi Josefson, Dalagatan lb., Olson & Rosenlund.

**Korektoj.**

Draguignan (Francujo, Var). — D. : L. Requin, abato-vikario, 3, av. Montferrat.

Meda (Portugalujo, Guarda). — D. : S-ro Aurelio Moutinho.

En la jenaj urboj ne plu estas Del. : Ecuvillens, Molenbeck.

**Novaj Esperantiaj Entreprenoj.**

Franzensbad (Germanujo). — Urbestrejo de Franzensbad por Kuracurbo Franzensbad. Adr. : S-ro Eugen Loimann, urbestro, Bürgermeisteramt Franzensbad.

Hannover (Germanujo). — Max Gottgetreu, ĉefa agentejo de la vivasekura kompanio Frederiko-Vilhelmo. Rundestr. 13.

München (Germanujo). — Propaganda Ligo por la Parkurbo *Esperanto*. Pr. : D-ro. I. Stuhlberger, M. Millertshofen, Kantstr. I.

Nürnberg (Germanujo). — Zentral Verband der Einjæhrig-Berechtigten in Bayern. Adr. : Theresienstr. 21.

# ORGANIZA DEMANDO

∴ La ĝenerala kunveno de *Brita Esperanto Asocio* en Portrush akceptis la ĉi-subajn rekomendojn al la Delegitoj elektotaj de la B. E. A. por la Krakova Kongreso.

I. Pri Elekto de Delegitoj por la Krakova Kongreso

La B. E. A., kunveninte en sia Kvina Ĉiujara Kongreso :

Konsiderante (1), pro tio, ke la delegitoj en Antverpeno devis decidi subite pri la demando pri kotizo donanta rajton sendi delegiton al niaj Esperantistaj Kongresoj Oficialaj, antaŭ ol ili havis la tempon por dece konsiliĝi kun la ilin delegintaj grupoj kaj societoj, ke oni ne donis al la Esperantistaro ne havis sufiĉe da tempo *(sic)* por mature pripensi la aferon ; kaj

Konsiderante (2), ke la novan regulon pri voĉrajtiga kotizo kaj enskribo (*vidu* p. 337, *Oficiala Gazeto*, Marto, 1912) aprobis nur 13 (ne eĉ duono) el la 35 membroj de la Administra Komitato de la Centra Oficejo ;

Opinias, ke la definitiva apliko de tiu regulo pri delegitoj alla Oka Kongreso ne estas pravigita,

Protestas kontraŭ ĝi kaj

Opiniante la aferon ankoraŭ ne konstitucie decidita, uzas, por elekti siajn delegitojn al la Oka Kongreso, la metodon originale proponitan de D-ro Zamenhof kaj aplikitan por la Antverpena Kongreso en 1911, t. e., elektas po unu delegito por ĉiu aro de siaj elektantaj membroj, *sen kia ajn pago de kotizo.*

2. Pri la Demando pri Ĝenerala Organizo de la Esperantistaro

La B. E. A., konsiderante,

(1) Ke la Komisio, kiu devis konigi al Delegitoj per la *Oficiala Gazeto* almenaŭ tri monatojn antaŭ la Oka Kongreso, planon pri Ĝenerala Organizaĵo de la Esperantistaro, diskutotan de la Delegitoj dum tiu Kongreso, ne prezentis tiun planon, kaj do ne donis al la Esperantistaro tempon por funde kaj serioze esplori kaj diskuti tiun planon ; kaj

(2) Ke estas evidente, laŭ la diskutado okazinta kaj okazanta en la Esperantista Gazetaro, ke ekzistas ĉe la Esperantistaro grava malkonsento kaj neklereco pri la tuta afero ; kaj

(3) Opiniante, ke ĉi tiu senfina diskutado pri afero ankoraŭ ne klare difinita multe malhelpas la progresadon de nia movado kaj deturnas la energiojn de la Esperantistaro de la tre grava kaj tute klare difinita kaj konsentata laboro de praktika propagando kaj uzado de nia lingvo,

Rekomendas, ke la Delegitoj la Oka *(sic)* Kongreso resendu la tutan demandon al la Naŭa Kongreso, por ke intertempe iaj *klare* proponotaj projektoj por la dirita Ĝenerala Organizaĵo estu serioze esplorataj kaj diskutataj de la delegitoj en konsiliĝo kun siaj Societoj kaj Grupoj.

∴ *La Grupo Esperantista en La Rochelle* esprimas la deziron, ke neniu kotizaĵo estu postulata de la grupoj por ĉi tiu jaro, kaj ke ĉiu decido pri la ĝenerala organizaĵo de la Esperantistaro estu prokrastata ĝis la naŭa kongreso, por ke ĉiuj grupoj havu la tempon ekzameni la prezentotan projekton kaj libere esprimi sian opinion. (7 junio 1912).

∴ En sia jara ĉefkunveno la *Esperanto Grupo de Essen* (Esp-ia Asocio) unuanime alprenis la jenan rezolucion :

Konsiderante ke : 1-a. internacia poresperanta organizo de naciaj grupoj ne estas celinda ;

2-e. la internacia peresperanta movado sufiĉe estas reprezentata per U. E. A., ni decidas :

1-e. malakcepti ĉian kotizon al « Centra Oficejo » kies agadmanieron ni ne komprenas kaj sekve :

2-e. Rezigni reprezentiĝon ĉe la VIII-a. Kongreso Esperantista en la nunaj malklaraj cirkonstancoj.

Ni esprimas la deziron, ke realiĝu la propono de la Direktoro de U. E. A., S-ro H. Hodler, kiel ĝi estas klarigita en la artikolo de « Esperanto » : Kiel nin organizi ? » (5 junio 1912).

∴ *La Grupo Esperantista de Marseille* opinias, ke la nunaj sendependaj organizaĵoj tre taŭgas kaj sufiĉas, kaj bedaŭre konstatas, ke diskutado pri nova organizo ne nur estas neutila, sed malutilas nian aferon malfortigante sindonemon kaj interhelpemon de multaj samideanoj, malhelpante malblindiĝon de la skeptikuloj ; ke devas kaj povas sendi « rajtigitajn delegitojn » ĉiu ajn Esperantista Grupo favora aŭ ne al Centra Oficejo, al tiu aŭ tiu ĉi eminentulo, ŝatanta aŭ ne la « Oficialan Gazeton », sufiĉe riĉa aŭ ne por pagi kotizaĵojn (uzotajn por kio ?) kaj ĝi rifuzos pagi ianajn novan kotizaĵon.

∴ *La Rotterdama Grupo Merkurio* akceptis jenan decidon :

« La kunveno konsiderante la proponon pri starigo de nova monda organizo apud U. E. A., malutila por la Esperantista movado, esprimas la deziron, ke oni klopodu interkonsenti kun U. E. A., sur la bazo de la farita propono de tiu unuiĝo por havigi en ĝiaj statutoj la ŝanĝojn necesajn por transformi U. E. A., en monda organizo kiu povos kontentigi la Esperantistaron ».

∴ Artikoloj pri la organiza demando lastatempe aperis en *La Esperantisto* (junio, K. von Frenkell), *Germana Esperantisto* (junio, F. Ellersiek), *Lingvo Internacia* (junio, Th. Cart), *La Langue Internationale* (julio, Th. Cart), *British Esperantist* (junio), *Ondo de Esperanto* (junio, B. K.), *Holanda Pioniro* (junio J. H. Bruijn, P. J. Vermaas), *Espero Katolika* (1) (junio, D-ro Smulders). *Pola Esperantisto* (junio) publikigas leteron de D-ro Zamenkof, per kiu li defendas la institucion de la kongresaj rajtigitaj delegitoj. Ni publikigos ekstraktojn en nia venonta N-o.

(1) Tiu ĉi enhavis pri U. E. A., kaj ni mem diversajn malĝustajn asertojn, je kiuj ni sendis respondon per enpreso en E. K. mem. (Red.).

∴ La Prezidanto de la komisio por ĝenerala organizaĵo sendis al la membroj de tiu komisio cirkuleron, en kiu li anoncas, ke, malgraŭ diversaj petoj, li ne sukcesis ĝustatempe ricevi raporton de la sekretario de la subkomisio, kaj metas al la voĉdonado de la komisianoj la du jenajn demandojn :

« 1. Ĉu vi opinias, ke oni devas prokrasti la tutan aferon ĝis la naŭa kongreso kaj sekve enmeti en la tagordon de la Oka Kongreso nur la kutimajn raportojn de niaj oficialaj institucioj kaj la diversaj demandoj, kiujn oni povos sendi por tio, al la K. K. K. ? ».

« 2. Aŭ ĉu vi opinias, ke por plenumi almenaŭ parton de la tasko alkonfidita al ni de la Sepa Kongreso, oni povus prezenti al la diskuto kaj voĉdono de la Oka Kongreso projekton de Unuiĝo de la Naciaj Propagandaj Societoj ? ».

---

# Esperantia Parolejo

## Oni laŭdas

∴ Al S-ro J. Schmid, Del. U. E. A., Bern.

1) « ..... Por via afabla kaj perfekta plenumo de mia afero mi multe dankas. » — Ludwig Klotz (Lodz, 10. v. 12).

2) « ..... Mian plej koran dankon por via afabla helpo okaze de nia restado (27 studentoj kun profesoro) en via urbo. Ĉie, kien ni venis, la Esperantistoj atendis nin. Tiu vojaĝo estis la plej bona propagandilo por nia lingvo inter miaj kolegoj. Revenante al Graz, ili diris, ni tuj komencos lerni Esperanton... » — G. Scholze (Graz, 28. V. 12).

3) « ... Mi jus ricevis vian afablan respondon pri studento Guzzeinoro. Mi ne trovas la vortojn por esprimi al vi mian sinceran dankon... » — Princo Tavdgiridze (Derbent Kaŭkazo 18. IV. 12).

4) « ..... Mi ne scias, estimata sinjoro, kiamaniere mi povos danki vin por via afabla servo. ... » — Indicateur sommaire des Trains, D. Hallet (Charleroi, 11. V. 12).

∴ Mi, subskribinto, en la nomo de l'Ĥina Esperantistaro, sincere neforgeseble dankas ĉiujn helpantojn, precipe Delegitojn kiuj plenumante mian peton sendis siajn skribaĵojn por honori la Ĥinan mortintan S-on S-ro S. C. Soong. Ili estas :

∴ S-ro *Adam Jotko*, membro de U. E. A. No 5642 (Rusujo) kun sia parenco kore dankas S-ron Delegiton *R. Hilding* en Hartford (Usono, Conecticut) pro tre gravaj servoj en afero de l'heredaĵa proceso.

S-roj *C. Chr. Droogendijk* (tri foje) (el hol.) M. Riepermanaj (du foje) *K. J. Elleder*, *V. Blagourovov*, *N. Foss* (dufoje) F-ino *A. Ŝarapov* (el Rus.) S-roj *M. H. Beathie* (el Ind.) *Luigi Scarselli* (el Ital.) *F. Sovbrunne*, *Ch. Brunet* (el Fr.) *Jozefo Rhodes*, *William Spalding*, *Franpkajt*, Fervora Esperantistino, (el Anglujo) *Rondo Esperanta*, *Rudolf Rubĉiĉ* (el Austr.) Esp. grupo. Freienstein-Rorak (el Suis.) mi duafoje dankos aliajn. Sed mi devas sciigi ilin ; mi kun S-ro S. C. Soong estis nur 4 monata korespondanto, mi posedas nur unu lian portreton. Se vi volas vidi ĝin, *partoprenu la trian Kongreson de U. E. A.* Oni tie ekspozos ĝin ! — K. Ĉ.Ŝ-an (Ĥinujo).

## Oni proponas !

∴ S-ro A. Kudela, Del. Roznov, proponas, ke, por helpi la financan staton de U. E. A. oni enkonduku sigelmarkojn de eble 4 kaj 8 sd. por tiuj ĉi personoj, kiuj uzas la servojn de U. E. A. Sur ĉiu leterpeto estu gluota 8 Sd kaj sur ĉiu poŝtkartpeto 4 Sd. marko, krom afranko por respondo. Por tiuj ĉi membroj, kiuj bezonas la servojn de U. E. A. certe ĝi ne estos sentebla elspezo, sed por la aliaj, kiuj ĝin ne uzas, estas la nunfiksita jara kotizaĵo, laŭ mia opinio, sufiĉe alta.

La pli altigo de kotizaĵo, certe havus kiel sekvon la malmultnombrigon de esperantianoj, kio ankaŭ ne estus rekomendinda por nia afero.

(Estos respondate al tio ĉe baldaŭa artikolo dediĉota al la financa stato de U. E. A. — Dir.).

# Esperantia Vivo

**Fianĉiĝo.** — En Vilno (Rusl.) *S-ro Karol Nievengloski*, prez. de la « Vilna Esp. Soc. », kun *F-ino Alino Skokovska*, Esperantistino en Vilno.

**Edziĝo.** — En Rio de Janiero (Brazil.) *S-ro Húmberto Chaves*, Esp-iano, kun samideanino *F-ino Edmea Diniz*. — En Neuchatel (Svis.) *S-ro Georges Strœle* Del. U. E. A. kun *F-ino Jacoba Krieg*.

**Morto.** — Ni nun ekscias, ke Moukden'a (Ĥinujo) E-iano Pu mortiĝis antaŭ du monatoj jetante bombon sur Lian-Bi'on, la ĉefon de l'manĉuria parencoligo. Kortuŝindaĵo! Eble tia okazo ne konata de mi ankaŭ jam okazis al alia Ĥina E-iano. — K. Ĉ. Ŝ.

# Alvokoj

**Al ĉiuj Esperantistaj sekretarioj !**

La subskribanto petas kore ĉiujn Esperantajn sekretariojn ke ili bonvole traduku la sekvantan sciigon en nacia lingvo kaj presu en gazeto. Oni bonvolu sendi du numerojn de la konc. gazeto al la adreso malsupre nomita :

En Frankfurto (M) Germ. okazis dum la 9/15-a de junio 1912 la unuaj veturadoj de la unua germana poŝtaerŝipo « Schwaben-Ŝvabujo » kaj de la unua germana poŝtaeroplano « Gelber Hund » — Flava Hundo ». La germana ĉefpoŝtdirekcio eldonis oficialajn kartojn kaj tiujn oni povis adresi al iu en la mondo. La kartoj estis ekspedataj per flugmaŝino en la ĉirkaŭaĵon frankfurtan kaj tiam iu loko forsenditaj per fervojo. La kartoj mem estis gluitaj kun speciala marko « Aerpoŝtmarko » kun la enskribo Germana Aerpeŝto je la Rhein kaj Main » kaj stampitaj per aparta ŝtampilo. La marko valoras 50 sd. La unuan sendaĵon ekspedis « Flava hundo » de Frankfurto al Darmstadt dum 20 minutoj. La sendaĵo havis 1.000 kartojn kaj la pezon da 40 kg. La flugisto estis salutita de la grandduksino de Hessen mem. — Samtempe la Frankfurta grupo forsendis la unuajn sciigojn esperantajn per la aero. La unua kaj la dua karto prezentis la bonkonatan propagandilon de D-ro Kleider, Aŭe, Sa. la aerŝipon de Zeppelin kun la devizo — Zeppelin-Zamenhof. Tiujn kartojn ricevis nia kara majstro D-ro Zamenhof kaj grafo Zeppelin. La trian karton esperantan ricevis la sekretario de la Wiesbadena grupo.

Mi kore dankas antaŭe al ĉiuj kiuj publikigos tiun artikolon kaj sendos ĝin al mi. — Robert Kreutz, sekretario de la Esperantista Grupo Frankfurt (M) Germ.

**Ekspozicio**

Okaze de la tria kataluna esperantista kongreso. Oni organizas ĉe Terrassa grandan esperantan propagandan ekspozicion kiu estas malfermata de la 29 Junio ĝis 15-an Julio. Oni petas al fervoraj samideanoj kaj alesperantistaj grupoj bonvolu nin helpi en nia laboro sendante al ni ĉiuspecajn esperantaĵojn.

Ni antaŭe esprimas nian plej koran dankojn al ciuj sendontoj. Adressu la sendaĵojn al :

Grupo esperantista Lumon, Strato Nort, Terrassa Hispanujo.

# REKLAMO

## KORESPONDADO

La subaj anoncetoj pri Korespondado estas publikigataj sen garantio de ni pri regula respondo.

La personoj, kiuj deziras korespondi en daŭra maniero kaj havi garantiojn pri akurata respondo, aliĝu al la nova fako de U. E. A. « Universala Interŝanĝa Asocio » (kotizaĵo 0.50 Sm.), speciale starigita por faciligi la rilatojn inter korespondantoj kaj kolektistoj. La adresoj de la membroj de la Interŝanĝa Asocio estas publikigataj en la Interŝanĝa Bulteno.

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. b. fl. = *bildflanko*.

Aidin (Azia Turkujo). — F-ino Josephe Saragosse, PM., PK.

Amiens (Francujo, Somme). — S-ro K. Poiré, 23, rue de Cagny.

Basingstoke (Anglujo). — S-ro Herbert Woolgar, 53, Worting Rd., PM. (Speciale novaj belgaj kaj svedaj ; fidelulo, sed ne faras la unuan sendaĵon).

Barcelona (Hispanujo). — S-ro Antonio Pla, Ancha 9, L. (en angla, franca kaj hispana lingvoj por ekzercado),

Boulogne-sur-Mer (Francujo). — F-ino Louise Haignéré, instruistino, 149, rue du Moulin à Vapeur, PI.

Bern (Svisujo). — S-ro Ulr. Zysset, Weissenbühlweg, 8, PI (kun neeŭropanoj).

Biehla b., Kamenz i. Sa. (Germanujo). — S-ro Otto Melde.

Braunschweig (Germanujo). — S-ro Willy Dahl, 5, Kœnigstieg, PI., PM., bfl. (kun ĉiuj landoj).

Cassa de la Selva (Hispanujo, Gerono). — S-ro Henriko Cabana, str., Marina, 47.

Fribourg (Svisujo). — S-ro Joz. Vannier, del. U. E. A., Falken'a Hotelo, PI, bfl. (kolorigitaj PI., precipe urbaj vidaĵoj kaj monumentoj).

Griesheim b. Frankfurt-a-M. (Germanujo). — S-ro Karlo Weissinger, Waldstr. 59, PI., bfl. (kun ĉiuj landoj escepte Germanujo).

Halle-a-S. (Germanujo). — S-ro stud. med. Eduard Ziemann, Friesenstr, 31, PI, (Kun germanoj kaj negermanoj).

Jausiers (Francujo, Basses-Alpes). — S-ro C. Foutanay, 157e de ligne, 3-a Cie, PI. PK.

Kiel (Germanujo). — S-ro Hans Krüger, Hamburger Chaussée, 126 ; Heinrich Stahmer, Kirchhofsalles 104 ; PI.

Lewisburg Pa (Usono). — S-ro E. M. Rumsey, 13, N. Water St., PI. (precipe kun Azio kaj Afriko).

Louny (Austrio, Bohemujo). — S-ro J. Rybyak, urbplaco, PI. K. bfl.

Louny (Austrio, Bohemujo). — S-ro Adolf Kobl, PI. PK. bfl.

Luck (Rusujo-Wolynska). — S-ro Josef Wojcikiewicz, Ostrozec, librotenisto de Administrejo Ostrozec (interŝanĝi skemojn de terkulturaj libroj, fotografaĵojn, PI., PM.)

Madrid (Hispanujo). — S-ro Luis Hermida, place San-Marcial, 2, PI. L. (respondo per unu aŭ du kartoj laŭ deziro).

Mallorca, insulo (Hispanujo). — S-ro Ramon Sbert, kuracosciencstudento, strato Cruz, 14, Llubi, PI. L. PM.

Montevideo (Urugay). — S-ro Raŭl V. Idoyaga, Casilla de Correo 303, PI., K. (kun ĉiulandaj samideanoj, escepte francaj, anglaj, germanaj, aŭstriaj kaj rusaj. Respondo laŭ deziro per 2 aŭ 3 kartoj).

Paris (Francujo). — S-ro M. Mousse, 319, fbg. Saint-Antoine, PI. bfl. (kun alilanduloj).

Praha (Austrio, Bohemio). — S-ro Fr. Bozena Moravkova, Praha VII. Zatory, 288 (dez. koresp. esperante kaj france).

Rio de Janeiro (Brazilujo). — S-ro Alekso Franzeres, R. Constituicao, 38 (dez. interŝ. portretojn « Velofot »).

Rio de Janeiro (Brazilujo). — S-ro Humberto Chaves, R. Manuel Victorino, 575, Piedade, PI.

Rio de Janeiro (Brazilujo). — S-ro Branlio Moraes, rua Bento Goncalves, 50, Eagenho de Dentro, PI.

Rio de Janeiro (Brazilujo). S-ro Osmany C. Silva, rua Marechal Ranglel, 356, Madureira, PI. L. bfl.

# LA PULSOCONN MACAURA
## en ĜENEVO

Ni tradukas kaj plezure represas la rimarkindan kronikon, ŝulditan al la plumo de nia lerta kunfrato S-ro G. Dejean, redaktoro de la *Gazeto de Fremduloj* en Ĝenevo, kiu aperis post la triumfa parolado farita de Doktoro Macaura ĉe la Victoria Hall de Ĝenevo post sukcesplenaj demonstracioj en Francujo. « Jaŭdon 20, je la oka kaj duono vespere, densega popolamaso premiĝis ĉirkaŭ la Victoria Hall, jam tute plenigita. La polico ne sufiĉis por malhelpi la eniron de la personoj, kiuj malgraŭ ĉio volis ĉeesti la eksperimentojn, kiujn Doktoro Macaura estis faronta je kelkaj malsanuloj ; pli ol milo da personoj restis ekstere kaj rigardis muron, trans kiu okazis tre interesaj aferoj.

« Ĉe la komenco de la kunveno, S-ro Moyse, unu el la plej bonaj parizaj gazetistoj, kiu prezidis, dankas la publikon pro ĝia multnombra ĉeesto. La afabla oratoro, kiu sin esprimas kun rimarkinda facileco, estas vigle aplaŭdata kiam li klarigas kial li interesiĝis je la verko de la fama elpensinto.

« Poste, tiu ĉi mem ekparolas anglalingve. Interpretisto iom tradukas lian paroladon. Doktoro Macaura diras, ke li ne faras mirakloj n. Simple kortuŝita de la vido de l'korpaj suferoj, li serĉis kuraci kelkajn, kiel tiujn kaŭzitajn de reŭmatismo, iskio, hemiplegio (unuflanka paralizo), nevralgio, unuvorte ĉiuj malsanoj, kiuj havas sian kaŭzon en la artikoj aŭ koncernas la ankilozon de la muskoloj, sangalfluon kaj la malbonan cirkuladon de l'sango.

« Rememoriginte, ke la vibromasaĝo estis uzata de la Egiptoj en la plej alta antikveco kaj dirinte kelkajn vortojn pri la aparato, proksime simila al lia, elpensita de D-ro Charcot, kiu malprave malŝatis reklamon, D-ro Macaura anoncas, ke oni faros kelkajn eksperimentojn je malsanuloj ekzamenitaj de D-ro Doleff, kiu permesis por ili la kuracadon per la « Pulsoconn ».

« Ni ĉi tie donas la nomojn de kelkaj el tiuj malsanuloj : S-roj Jean Vincent, artika reŭmatismo ; Mosso, 27, avenue de Mail, (Ĝenevo), iskio ĉe l'dekstra flanko ; Bornand, 27, rue du Mont-Blanc, (Ĝenevo), suferas de artrito, de kvardek kvin monatoj ; Henri Villy, 1, rue du Lac (Ĝenevo), iskio kaj lumbodoloro ; Krauss, 7, rue du Grand-Pré (Ĝenevo), paralizo de genuo, ŝultro kaj renoj de dek-sep jaroj ; Felber, 15, rue Jean-Charles (Ĝenevo), surda de ses jaroj ; S-ino Ihieros, boulevard Carl-Vogt, 3 (Ĝenevo), artrito kaj lumbodoloro de dek jaroj, k. t. p.

« Dum dek minutoj la malgranda aparato « pulsoconn » ne ĉesas funkciadi, kaj sole la karakteriza bruo, kiun ĝi elmetas, rompas la silento de la atentema publiko.

« Subite, unu el la pacientoj stariĝas ; estas S-ro Krauss, li havas ĝojan vizaĝon. Ŝajnas, ke li urĝe bezonas moviĝi, tiel feliĉa li estas ke li ne plu sentas doloron — kiel li laŭte deklaras. Laŭ la peto de la Doktoro, li kelkfoje trapasas la scenejon kun firma paŝado, la bruston malantaŭe, kiel fortika junulo. Tiu spektakto mirigas la ĉeestaron, kiu vidis lin antaŭe klininta sur la bastono kaj malfacilege suprenironta la estradon.

« D-ro Maccaura forprenas de li la bastonon kaj deklaras, ke post kontinua kuracado da deko da monatoj, la resaniĝo de S-ro Krauss estos definitiva.

« Sed la serio de la surprizoj ne finiĝis. Jen, alia malsanulo stariĝas kaj senhelpe marŝas, li de pluraj jaroj suferis pro paralizo de la dekstra kokso, de l'genuo kaj de l'brako dekstraj.

« Li ankaŭ certigas, ke lia doloro malaperis, ke li sentas sin vigla kaj fortika. Mirigitaj, la tri mil kvin cent personaj, kiuj rigardas kun ne direbla intereso aplaŭdegas.

« Baldaŭ la dek-du malsanuloj stariĝas, ĉiuj sin diras kvietigitaj. Knabeto, kiu estis plene surda, respondas demandojn al li faritajn duonlaŭte, kaj la entuziamaj aplaŭdoj ĉiuflanke krakas. La kunveno finiĝis kaj la publiko malrapide foriras, tre favore priparolanta la paroladon de D-ro Macaura.

« Intima vespermanĝo, proponita al la Ĝenevaj gazetistoj de S-ro L. G. Moyse kaj bonege servita ĉe la salonoj de l'Kursaala restoracio sekvis tiun kunvenon.

Ĉe la deserto, S-ro Moyse, dankinte la gastojn, longe kaj elokvente parolis pri la elpensaĵo de D-ro Macaura kaj pri Ĝenevo, tero de libereco, poste S-ro Guinand, advokato kaj deputato, sprite trafis la sistemajn kritikaĉistojn de la novaj kaj originalaj ideoj. Ni citu tiun lian frazon al D-ro Macaura : « Vi alvenas al ni provizita per la plej bona pasporto : la nomo kaj la personeco de nia eminenta kunfrato kaj amiko, S-ro Moyse. Tial, bonvenata vi estu ĉi tie. »

« D-ro Macaura faris en angla lingvo dankan kaj spritan alparoladeton. Poste, S-ro Wohlgrath, prezidanto de la Asocio de la Internacia Gazetaro, laŭdis sian kolegon Moyse pri liaj obstinaj klopodoj kaj trinkis al liaj sukcesoj kaj al tiuj de l' « Pulsoconn Macaura ». Ĉiun el tiuj paroladoj sekvis longaj aplaŭdoj. La bonega orkestro de l'Kurshalo ludis diversajn himnojn kaj la plej bonajn pecojn de sia repertorio.

« Ni rememorigu, ke en Ĝenevo, 15 rue Lévrier, estas starigita konstanta Instituto, kie ĉiutage la personoj, kiuj deziras ricevi informojn pri la mekanika « Pulsoconn » kaj ĝia agado ricevos la la plej afablan akcepton. La eniro de la instituto estas absolute senpaga. La privilegiitaj personoj, kiuj ĉeestis la belegajn paroladojn de D-ro Macaura, rapide iros al ĝi. La nekredemuloj kaj skeptikuloj ankaŭ iru. Ili revenos ĉarmitaj kaj konvinkitaj ». — G. Dejean.

Por kompletigi tiun citon ni aldonu la impresojn, kiujn gazetisto de l'A. B. C. (Ĝeneva gazeto) konigis per tiu gazeto :

« Kiel malsanulo mi prezentiĝas, ĉar mi efektive suferas de tiu doloro, kiun havas multaj homoj, kies laborilo estas la plumo, nome la *kuntiriĝo de la skribistoj*. Mi unue estas enkondukata ĉe kuracisto, jam de multaj jaroj loĝanta en Ĝenevo, kaj kies doktortezo titolita : « Cita diagnozo de la pleŭraj elfluaĵoj » kaŭzis je sia apero grandan bruon ĉe la kuracistaro.

« Doktoro Nicolas P. Doleff, kuracisto ĉe la servo de la orel-nazkaj gorĝmalsanoj ĉe la hospitalo Saint-Antoine en Parizo, lernanto pri la haŭtmalsanoj ĉe la Hospitalo Saint-Louis en Parizo, membro de la departementa higiena konsilantaro, ktp... min akceptas, ekzamenas, kaj subskribas la valoran recepton, kiu rajtigas min je la apliko de la mirinda resanigaparato.

« Mi diras « valora », ĉar mi ĵus vidis antaŭ mi malsanulinon malĝojegan ĉar D-ro Macaura ĵus rifuzis al ŝi la aplikon de l'Pulsoconn, juĝante, ke tiu maŝino de vibromasaĝo, kiu ne estas kuracilo por ĉio, ne estas aplikebla al ŝi. Efektive, la malsanulino estas tuberkloza kaj kontraŭ tiu terura malsano la aparato, almenaŭ nuntempe, ne efikas.

« Tiu malgrava okazintaĵo min atentigis : mi ne estas (kiel sistemaj kaj partiaj kritikistoj provis ĝin kredigi) en komerca firmo, kie oni ĉiuokaze vendas Pulsoconn-aparatojn. Ne, la disvastigantoj de tiu bonfara ilo havas alian komprenon pri sia tasko kaj ne hezistas, kontraŭ siaj direktaj interesoj lasi al la Instituta kuracisto plenan liberecon agi laŭ lia kuracista konscienco.

« Jen mi do estas en la manoj de la masaĝisto ; tiu ĉi, demandite de mi, diras, ke li estas S-ro Armand-Gustave Demont, masaĝisto rajtigita de la Ĝeneva Itala konsilantaro. Li vibrigas la aparaton kaj jen — laŭ la trafa esprimo de S-ro Allainmat redaktoro ĉe la Pariza

*Matin* — mi dronas en vera bano de viviga aero. Mia manumo, ankilozita antaŭ la operacio, estas nun tute vigla, kaj ne nur la plumon mi povus manuzi, sed eĉ la glavon... por kiel brava kavaliro elvoki al duelo ĉiun kritikistaĉon, kiu havus la maltimon pretendi, ke la bonfaroj de la « Pulsoconn Macaura » estas trograndigitaj per la sonoraj trumpetoj de la Reklamo... Sed miaj militemaj ideoj estas kvietigataj de la afabla ĵurnalisto kies manon mi povas forte premi dank'al la bonfara efiko de l'Pulsoconn — je kio mi estus tute nekapabla antaŭ ol veni al la *Instituto, 15 rue Lévrier, Ĝenevo* ĉar tro akaj estis la suferoj, kiujn kaŭzis al mi la malagrabla profesia ankilozo ».

*La Instituto, 15, rue Lévrier, Ĝenevo* (malfermata ĉiutage, krom dimanĉoj kaj festotagoj, de 10 h. ĝis 12 h. kaj de 2 h. ĝis 4h.) donas *absolute senpage* siajn demonstraciojn ; eĉ nenia pago estas postulata de la Instiuta kuracisto. Klariga broŝuro laŭ peto.

(*daŭrigota*)

## PETOJ KAJ PROPONOJ

ESPERSTENO : Alfaro de la Pitman'a Sistemo de Stenografio al la postuloj de Esperanto. Prezo : Sm. 0.50 (aŭ 5 respondkuponoj) afrankite. Havebla ĉe la Aŭtoro, J. Catton, Oswald Road, Saint-Albans, Anglujo.

EKSPOZICIO. — Por vere propaganda celo, mi intencas aranĝi Esperantan Ekspozicion, pro kio mi bezonas helpon de bonvolemaj samideanoj kaj esperantistaj firmoj, de kiuj mi petas la plej baldaŭan alsendon de ĉiuspecajn esperantaĵojn ; broŝurojn, prezarojn, katalogojn, gvidlibrojn, kaj t. p., kun koraj antaŭdankoj Santos Ortiz de Arri Str., Guetaria, 10, San Sebastian (Hispanujo).

FAMAJ HOLANDAJ CIGAROJ. — Ign. de Laure, Cigarfabrikanto, Boksmeer (Nederlando) serĉas en ĉiuj landoj cigarvendistojn. Petu specimenojn kaj prezojn.

FILATELISTOJ. — Sendu al S-ro Dupuis, 2, rue de l'Arc-de-Triomphe, Paris (Francujo), 3, 6, aŭ 9 respondkuponojn kaj vi ricevos 20. 40 aŭ 60 diversajn poŝtmarkojn de la francaj kolonioj kaj specialan katalogon de poŝtmarkoj. Petu la faman katalogon Yvert-Tellier, Fr. 4.25 (Sm. 1.70) afrankite-rekomendite.

GEEDZOJ SEN INFANO deziras adopti infanon malrajtan eĉ senpage. Vidu aŭ skribu kun respondkupono al S-ro Pietrement, Nancois (Meuse) Francujo.

GE-FRANCANO AŬ ANGLANO estos akceptata dum la libertempo en bela loko de Moravio. 18 ĝis 22 jara. Oni skribu al M. Kurz, Del. U. E. A., en Chropin, Moravio.

GERMANA-AŬSTRIA ESPERANTISTO. — Pri la 8-a internacia kongreso Esperantista 1912 informas bonege la oficiala organo de la Ligo de Germanlingvaj Aŭstriaj : German-Aŭstria Esperantisto. Ciumonate Esperante kaj Germane. — Jara abono Sm. 1,25. — k. 3. Administracio : Wien VI, Dürergasse, 19.

JUNA FRANCO, studento en juro, diplomita pri Esperanto, serĉas germanan familion, kiu akceptus lin dum libertempo. Plezure li parolos francan lingvon, G. Lelarge, 44, rue de la Cathédrale, Poitiers (Vienne) Francujo.

LIBREJO ESPERANTO en Montevideo deziras havi komercajn kaj pri Esperanto propagandaj interrilatojn kun similaj alilandaj firmoj, t. e. Esperantaj eldonejoj, librovendejoj, papervendejoj, k. t. p. — Oni petas ankaŭ la alsendon de katalogoj, specimenoj, prezaroj, k. s. — Adreso : Libreria Esperanto (Munoz kaj K-o), strato 25 de Mayo 471. Montevideo (Urugvajo).

NEKREDEBLA. — Ĉapelo, praktike dispecigebla por gesinjoroj, 49 gr. — 2 subĉapeloj (blankaj aŭ alikoloraj) 4.50 fr. (1.800 Sm.) afrankite. — L. Collin, Del., de U. E. A. Roye (Somme) Francujo.

PENTRISTOJN insiste petas ruslanda junulo pri laboro kaj instruado. Bone pentras. Rusa, esperanta. Membro de laborista fako de U. E. A. La proponojn oni sendu al S-ro M. Petrov, Tverka g. Vesjegonska u. s. Ĉamerovko (Rusujo).

POŜVORTARO. — Tre interesa libro por hispanlingvanoj kaj fremduloj vizitontaj latinaj landojn. Enhavas pli ol 10.000 radikojn. Lukse bindita 2 Fr. Adresu al S-ro X. Tuduri, S. Sebastian (Hisp.).








*La Administranto (Gérant)* : MICHAUD
Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo).


